# FORMOZA FOLIO
# 台灣世界語報

n-ro 15, Januaro 2013




**Tajvanaj infanoj kun aŭstra gasto celebras "Esperanto 125"**

台灣最年輕的世界語者慶祝世界語 125 年生日

# Enhavo

# La unuaj vortoj: Tajvano en revuo de UEA

***Reza Kheirkhah* 薛瑞察**

Okaze de vizito de la aŭstra esperantisto Martin Ebner, kiu venis al Tajvano post vizito en la Esperanta Insulo Hainan kaj vojaĝo al Aŭstralio kaj Nov-Zelando, li vizitis la elementan lernejon Fuxiao, kie dek du studentoj lernas Esperanton. Li parolis pri sia lando kaj pri la Esperanto-kursaro en Hainan, kaj poste la studentoj unu post la alia sin prezentis. Fine li kaj la studentoj vizitis la astronomian domon de la lernejo.



de Esperanto, Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) kaj edukado.net. Ĉina Radio Internacia aperigis video-intervjuon kun prof. Wandel (http://esperanto.cri.cn/641/2012/08/30/1s146172.htm) pri tiu kurso kaj pri la 7-a Azia Kongreso de Esperanto (www.esperanto.org.il/ak2013.html), okazonta en aprilo 2013 en Jerusalemo, pri kiu li prelegis okaze de la vizito. **Amri Wandel**

## TV Supren

D-ro Ulisses Riedel Resende kaj Vanda Beatriz, estroj de la eldonejo Unio Planeda, donis taskon al la direktoro de TV Supren (originala nomo en Esperanto), Calebe Pacheco, prepari portugallingvan adapton de la kurso *Mazi en Gondolando*. Pri la adaptoj de la projekto de Internacia Esperanto-Instituto (IEI), [illegible] Roberto Resende, diplomita instruisto de IEI. La 26-an de julio, la tagon de la 125-a datreveno, estis preta [illegible] 12-epizoda kurso. Baldaŭ TV Supren planas elsendi la kurson al siaj 180 mil spektantoj. **Roberto Resende**

## Tajvano

Okaze de vizito de la aŭstra esperantisto Martin Ebner, kiu venis al Tajvano post vizito en la Esperanta Insulo Hainan kaj vojaĝo al Aŭstralio kaj Novzelando, li vizitis la elementan lernejon Fuxiao, kie 12 studentoj lernas Esperanton. Li parolis pri sia lando kaj pri la Esperanto-kursaro en Hainan, kaj poste la studentoj unu post la alia sin prezentis. Fine li kaj la studentoj vizitis la astronomian domon de la lernejo. Sur la suba foto videblas Martin, Reza, Ingrid (helpanto de la kurso), Yvonne (studentino). La kurso estas en sia dua semestro kaj la lernantoj korespondas kun samaĝaj Esperanto-lernantoj en Francio, Koreio, Rumanio kaj Pollando. Pasintdecembre venis al Tajvano iliaj amikoj el Koreio por persone konatiĝi. **Reza Kheirkhah**

## Esperanta retmaklerejo

Se oni serĉas en Interreto ion interesan pri Esperanto, oni trovas forgesitajn paĝojn aŭ efemerajn notojn en Facebook, Twitter kaj Ipernity. Plie, malmultaj esperantistoj uzas Interreton por ricevi kontaktojn kun aliaj esperantistoj. Tio povas ŝanĝiĝi per uzado de la senkosta maklerejo pri Esperanto-interesiĝoj de Frank Merla, www.per.esocom.de, en kiu estas listigitaj konkretaj individuaj entreprenoj. Oni povas el la bunta kaj vere internacia fasko da proponoj elekti kio plaĉas por kunlabori. Se ne ekzistas io taŭga por la leganto, eblas enmeti senkostan anonceton, en kiu oni povas priskribi kion oni serĉas aŭ proponas: oni skribu retleteron al info@per.esocom.de kaj Frank Merla enmetos vian deziron. Bonvolu skribi laŭ la skemo de la retejo: kategorio oferto serĉo kaŝnomo nomo detaloj. La avantaĝoj de tiu maniero rete publikigi vian deziron en html-formo estas, ke via retpoŝtadreso estas kodita, do ne tro facile skanebla per ret-robotoj, kiuj liveras retpoŝtadresojn al spamsenduloj. Mi konstatas, ke la kategorioj estas alfabete ordigitaj kaj la kvanto de la enskriboj estas superrigardebla. **Frank Merla**

## Amindaj

La muzika ensemblo Amindaj gajnis grandan popularecon per siaj koncertoj en la 95-a UK kaj la 67-a IJK en Kubo en 2010. Intertempe aperis ankaŭ ĝia unua kompakta disko ĉe Vinilkosmo. Nun ankaŭ tiuj, kiuj ne spertis la grupon en viva koncerto, povas spekti ĝin en la Reta Kinejo de UEA, http://vimeo.com/49091462, por kiu Francisco L. Veuthey registris ĝian prezentadon en la 67-a IJK. Amindaj estas kultura projekto, kiu kombinas la tradiciajn muzikon kaj dancojn de Kubo kun Esperanto. La grupo fondiĝis en 2009 en la urbo [illegible]. Ĝin iniciatis Graciela Morgado Rodríguez, kiu kunmetis grupon de junaj esperantistoj muzikotalentaj kaj liberaj muzikistoj. Plimulto de la kantoj estas verkita, komponita kaj adaptita de Julián Hernández Angulo. Aliajn kantojn adaptis Maritza Gutiérrez González. La grupo utiligas tradiciajn kubajn instrumentojn. Disko de Amindaj: http://katalogo.uea.org/katalogo.php?inf=6727.

## Konto Espero

Kiam grandaj potencoj militas pro la minejaj riĉaĵoj de Orienta Kongo, lokaj esperantistoj suferas, kiel ekz. Emmanuel [illegible], kiu troviĝis en la malĝusta loko en la malĝusta momento. Li, lia edzino kaj iliaj gefiloj sukcesis savi sian vivon kaj eskapi. La konto Espero de UEA helpas lin nuntempe. Multaj viktimoj esperantistoj en tiu mondoparto. Por helpi ilin sendu vian kontribuon al la "konto Espero" de UEA laŭ la kutimaj pagmanieroj al UEA. **Renato Corsetti**



208 ESPERANTO oktobro 2012 1262 (10)

奧地利世界語者馬丁・伊伯納(Martin Ebner )參加“海南世界語島”研習後，前往澳洲、紐西蘭旅行，隨後受邀來到台灣。他拜訪了屏東教育大學附小，跟該校12位學習世界語的學生談到自己的國家及在海南島的世界語課程，之後同學們也一一自我介紹。最後大家一起參觀了學校的天象館。

Sur la suba foto videblas Martin, Reza, helpa instruisto Ingrid kaj studentino Yvonne.

如下照片中可見到馬丁(Martin)、瑞察(Reza)、迎華(Ingrid)和雅雯(Yvonne)。

La kurso estas en sia dua semestro kaj la lernantoj korespondas kun samaĝaj Esperanto-lernantoj en Francio, Koreio, Rumanio kaj Pollando. Pasintdecembre venis al Tajvano iliaj amikoj el Koreio por persone konatiĝi.

本課程是在其第二學期，同學們與法國、韓國、羅馬尼亞及波蘭的同齡世界語學生互交筆友。去年十二月他們的韓國朋友還到台灣來相會。

# Leteroj de legantoj

讀者來函

Hodiaŭ mi ricevis la japanan numeron de via Formoza Folio. Tre bele presita kaj bone redaktita, mi admiras! Koran dankon!

Usui Hiroyuki 臼井 裕之



Elkoran dankon pro la FF. Hodiaŭ mi bonorde ricevis ilin. Tre tre bela kaj bona organo!! Mi jam legis duone, kaj morgaŭ mi montros ĝin en NishiNippori. Ankaŭ en Hamarondo mi rekomendos ĝin, kaj plie al la membroj, kiuj planas viziti vin en oktobro, mi donacos ĝin.

Murata Kazuyo 村田和代



Mi bonorde ricevis "la japanan folion", specialan numeron de Formoza Folio. Tre bela internacia kunlaboro. Mi profunde dankas vin pro via afabla zorgado. Kun ĝojo mi montros ĝin al lokaj samideanoj.

Gotoo Hitosi 後藤 斉



Koran dankon pro via sendaĵo "Formoza Folio". Ĝi estas tre enhavoriĉa kaj pompa kaj tre interesa. Ĝi estas eĉ pli bela ol la Revuo Orienta. Denove, koran dankon!

Kurita Kimiaki 栗田 公明



Kun surprizo kaj granda ĝojo mi ricevis la revuon Formoza Folio n-ro 14. Kiam mi vidis la kovrilan foton kun la japana flago aranĝita de blankaj kaj ruĝaj floroj, iel mi supozis pri kio temis la enhavataj artikoloj.

Do kiam mi eklegis ĝin, emocio alvenis. Kiam mi loĝis en Japanio, mi havis unu okazon viziti la regionon atingitan de la cunamo. Mi tre ŝatis ĝin tiam pro ĝiaj beleco kaj trankvileco. Kiam 03.11 okazis, mi nur estis povinta spekti en la televido la bildojn de la detruo kaj esperi, ke la japanoj laŭiru la plej bonan vojon por ilia rekonstruado.

Legante la artikolojn de FF n-ro 14, mi eĉ povis senti la emociojn, la sentojn, kiujn sentis la homoj kiuj loĝas tie, kiuj spertis tre proksime tiun katastrofan momenton.

Aliflanke, dum mi legis FF n-ro 14, mi ege ĝojis pro ĝia altnivela uzado de Esperanto. Mi ne scias kiel diri – tamen aŭdacas diri – ke iel FF n-ro 14 atingis maturecon rilate al Esperanto ekde kiam mi modeste helpis Formozan Folion. Ĝi estas ja komparebla al aliaj revuoj tradicie redaktitaj en la internacia lingvo. Mi ege ŝatis la liberan uzadon de la vortoj sen detrui la karajn principojn de la lingvo.

Kaj mi miras, ke vi en Tajvano faras pli multe por Esperanto laŭ la deziroj de Zamenhof mem: diskonigi Esperanton per ĝiaj praktikaj celoj kaj per ĝia facileco ne nur lingva, sed amikeca kaj solidareca.

Estas mia espero, ke la Esperanto-movado en Tajvano estas kaj estu prospera kaj riĉa. Se iam eblos al mi viziti Azion denove, mi certe konsideros viziti Tajvanon kaj koni la impresan kaj ekzempligan Esperanto-movadon, kiun vi kun ĝojo, fiero kaj persistemo konstruas en tiu tre ĉarma lando.

Mi elkore dankas pro la revuo kaj pro la belega afiŝo kun la vorto "Printempo", kiujn vi sendis al mi. Bonvolu sendi miajn plej bonajn salutojn al la esperantistaro de Tajvano. Lucas Yasumura



Mi prenis la numeron 14-an de januaro 2012 de Formoza Folio en la manojn, kun la sento de iu, kiu hodiaŭ jam legis la revuojn "Monato", "Brita esperantisto", "Juna amiko" kaj la retajn revuojn de Argentino kaj de ankoraŭ kelkaj aliaj landaj asocioj kaj lokaj grupoj. Nu, mi pensis, ke jen mi trovos iom da kutimaĵoj el la malgranda tajvana movado. Tamen... jen mi trovis ion tute alian kaj tre pli interesan ol mi atendis. Mi legis, ne nur legetis, la artikolojn pri la tragedio en Japanujo, kaj mi konstatis ke tiugradan partoprenon mi ne trovis en aliaj gazetoj. Mi legis la aliajn artikolojn pri la Zamenhof-festo kaj pri la koreaj geknaboj en Tajvano, kaj mi estis devigata konkludi, ke jen movado juna, kun ĉiuj entuziasmigaj ecoj de kreskantaj movadoj, pri kiu la normala

membro de mia loka grupo en Italujo, eĉ dubas, ĉu ĝi povas ekzisti. Tamen ĝi vere ekzistas! Dankon, Reza! Vi gajnis por vi mem longan artikolon en la venonta eldono de la Enciklopedio de Esperanto.

Renato Corsetti



Grandan dankon por sendi al mi la formozan folion. Vi laboris multe por publikigi tiun ĉi. Mi estas feliĉa vidi multajn homojn lernantajn esperanton. Bondeziroj!

Jerry

## El Tokio al Tajvano

***Wen Yuju* 温 又柔**

Saluton! Mia nomo estas Wen Yuju: 温 estas prononcata ĉine Wen kaj 又柔 estas Yuju laŭ japana prononco.

Mi naskiĝis en Taipei en 1980. Mi ekloĝis en Japanio, kiam mi havis nur du jarojn. Mi vivas en Tokio de tiam kun miaj tajvanaj gepatroj. Mi deziras teni tajvananecon, ĉar mi ne havas japanan ŝtatanecon.



Tamen, la japana lingvo estas mia lingvo. Por mi la japana lingvo estas la unua lingvo. Estas grave, krom la ĉina lingvo mi sentas ke, ankaŭ la tajvana lingvo estas mia familia lingvo, ĉar mi estas tajvanano!

Tial, mi havas grandan intereson pri lingvoj kaj mi eklernis Esperanton antaŭ unu jaro. Bedaŭrinde, mi ne havas multe da tempo por lerni ĝin. Sed mi tre plezure lernas la novan lingvon!

Feliĉe, mi konatiĝis kun sinjoro Reza pere de japano, kies nomo estas Kazuyo Murata. Sinjorino Murata instruis al mi Esperanton en Tokio.

Mi iris al Tajvano de la 29a de februaro ĝis la 9a de marto 2012 por skribi raporton, kies temo estas vojaĝo al Tajvano. Verdire, mi estas japana verkisto. En 2011, mi eldonis la unuan libreton. "来福の家" estas la titolo de la libro, kies signifo estas "Hejmo kien venas feliĉo".

Dum la vojaĝo, mi antaŭĝojis vidi esperantistajn amikojn en Tajvano. La 6an de marto, mi gaje iris al urboj Kaohsiung kaj Pingtung.

Mi estas tre feliĉa konatiĝi kun sinjoro Reza kaj kelkaj esperantistoj. Mi havis tre gajan tempon kun ili! Kevin estas mia unua tajvana amiko pere de Esperanto! Pro fenomena destino, estas al mi granda plezuro konatiĝi kun tajvanaj geamikoj pere de Esperanto!

Tra ĉi tiu sperto, mi pli amas mian alian hejmlokon … jes! Ĝi estas Tajvano!

## Ekskurso al Esperantujo
## 在世界語的國度裡漫遊

***Martin Ebner***
***Germanio* 德國**

„Ĉu vi estas esperantisto?“ demandis la novzelanda sinjorino. „Mi ja parolas nur la anglan. Kelkfoje mia najbarino provas konvinki ankaŭ min...“ Mi devis ridi – evidente mi ne estis la unua fremdulo kiu devojiĝis en la koridoroj de la turdomego super la urbocentro de Wellington. Ĉu la uzantoj de Pasporta Servo estas stranga sekto?

「您會說世界語嗎？」紐西蘭的太太這樣問。「我只會說英語。我的鄰居好幾次想勸我也…」我只好笑笑。－顯然我不是第一個誤闖威靈頓市中心高塔建築的走廊的人。不知使用護照科的那些人是何方神聖？

Mia esplorado de Esperantujo komenciĝis en januaro en la flughaveno de Frankfurt, Germanio. Mi volis vidi la alian finon de la mondo, kaj ankaŭ elspezi miajn ŝparaĵojn antaŭ ol la eŭropa fuŝmono perdas ĉiun valoron.

我在世界語的國度裡漫遊的行程從一月自德國法蘭克福開始。我想遊歷世界的另外一面，並且在歐洲的笨鈔票完全失值以前用掉我的積蓄。

La unua stacio estis la „Esperanto-Insulo“, kiun Dennis Keefe organizis en la insulo Hainan. Tie mi precipe aŭdis prelegojn de du

profesoroj – de Federico Gobbo pri historio kaj filozofio de informadiko kaj de Ron Glossop pri milito. Tre plaĉis al mi la egaleco en Esperantujo: Ne estas multaj lokoj, kie dommastrinoj, profesoroj, ŝoforoj, komercistoj kaj ĉiuj aliaj povas renkontiĝi kaj libere diskuti. En multaj aziaj lingvoj oni eĉ ne povas diri ion sen esprimi socialan hierarĥion – tiusence Esperanto estas vera liberigo.

我的旅行的第一站是由 Dennis Keefe 建立在海南島的「世界語島」。在這裡我主要是聽兩位教授的講演，便是 Federico Gobbo 關於資訊學的歷史和理念，和 Ron Glossop 關於戰爭的講演。世界語國度裡的平等使我喜歡：別處難得會有屋主、教授、司機、商人能共聚一堂互相討論的機遇。利用眾多亞洲的各種語言談話時，我們不能不顯示社會階層。在這個意義上，世界語有其真正的自由。

Poste mi flugis al Singapuro. Peter, juna koreia manaĝero de usona firmao, simple donis al mi la ŝlosilon de sia loĝejo. Kelkajn tagojn mi do povis vivi rekte apud Malgranda Barato, la plej viva kaj interesa kvartalo de Singapuro. Bedaŭrinde Peter nun reiris al Koreio, kaj Singapuro verŝajne ne plu havas esperantiston (aliflanke li certe estos granda gajno por Koreio).

然後我飛往新加坡。一家美國商行的韓籍經理 Peter 很自然地交給我他住處的鑰匙。那幾天我可以直接住在新加坡最熱鬧的也是最有趣的「小印度」區旁。可惜 Peter 現在已經回韓國去了，而新加坡似乎不再有世界語者了。(從另一角度看，他的回國使韓國受益。)

Aŭstralio havas grandegajn regionojn sen esperantistoj, ĝustadire sen iu homo ĉar estas dezertoj. Sed en Brisbane mi estis tre afable akceptita de Kay, eksa instruistino de angla lingvo. En Ourimbah mi renkontis la familion Turvey, la unika vera esperantista familio dum tiu vojaĝo (en ĉiuj aliaj kazoj nur unu membro de familio parolis Esperanton, kun pli aŭ malpli da toleremo de geedzoj kaj infanoj – eble oni devas pli varbi por www.edzperanto.org ?). En Sydney esperantistoj povas loĝi kelkajn tagojn senkoste en la Esperanto-Domo – grandioza reklamo por Esperanto, kaj granda feliĉo por mi.

澳洲有很大的區域沒人講世界語，－其實連人都沒有，因爲那是沙漠地帶。但在布里斯班，前英語教師 Kay 親切地接待我。在 Ourimbah 我遇到了 Turvey 的一家。那是在全部旅行中唯一全家說世界語的家庭，別處全家通常只有一個人講世界語。太太和小孩必須容忍。－看來 http://www.edzperanto.org/必須努力徵召了。在雪梨世界語者可以在「世界語之家」住上好幾天不用花錢。這爲世界語做了很好的宣傳，也爲我帶來很大的幸運。

En aprilo mi vizitis Novzelandon. Neniam mi forgesos la balenon kiu akompanis la pramŝipon inter la suda kaj la norda insulo. En la haveno de Wellington jam atendis Gwenda, energia veteranino de Esperanto. Kun geamikoj ŝi organizas grupon de esperantistoj, probable la plej suda klubo de nia planedo. Pli norde mi tranoktis ĉe la familio Van Ryn: Laŭ mia impreso tiuj kosmopolitaj aktivuloj aranĝas ĉirkaŭ la duonon de la kultura vivo en Auckland.

四月我到了紐西蘭。我永遠不會忘記伴著南島和北島間渡輪的那些鯨豚。精力充沛的世界語戰士 Gwenda 女士早已在威靈頓的港口等我了。她和一些朋友們在此組成了一個世界語的社團，那恐怕是全球最南的世界語俱樂部了。再稍向北行，就在 van Ryn 的家裡過夜。我的印象是，這些有世界觀的人們安排了半個奧克蘭的文化生活。




Kiel bele, se oni surteriĝas en fremda lando – kaj povas tuj babili kun la homoj. En la flughaveno de Taipei min bonvenigis eĉ du esperantistoj: Qiyao el Hsinchu kaj lia konatino Yvonne. Hazarde ŝi venas el mia naskiĝregiono en Germanio, sed mi neniam vidis ŝin antaŭe; nun ŝi studas en Tajvano. Dum la sekvaj tagoj ni kune vizitis historiajn vidindaĵojn: la ceramiko-muzeon en Yingge, la ligno-skulptado-muzeon en Sanyi, la vitro-muzeon en Hsinchu, domojn el japana tempo kaj ruinon de fervojponto. Ju pli moderna la lando, des pli granda la nostalgio por la pasinteco... Bedaŭrinde aliaj interesaj partoj de la tradicia kulturo en Tajvano ŝajnas perdiĝi: Kelkfoje mi vidis ĉe temploj teatrajn prezentadojn antaŭ malplenaj seĝoj.

在外國著陸，便能夠立即和該國的人士交談，真是美事一樁啊！在台北的機場有兩位世界語者接待我，便是新竹的啓堯和他的朋友 Yvonne 女士。恰好她來自我在德國的出生地，但是我從來沒有見過她。目前她在台灣進修。此後數日我們一起參觀台灣的名勝：有鶯歌的陶瓷煿物館、三義的 木雕博物館、新竹的玻璃博物館、日式廟宇中的房舍和一座斷橋。一個國家愈現代化，它便愈使人念舊懷古。可惜很多別的台灣傳統文化的景點似乎都已消失了。我 數度在廟中空蕩蕩的座位上看戲。

**La plej grandaj surprizoj por mi en Tajvano:**

**以下數點是台灣給我的最大的驚歎：**

- Graveco de religio: multege da multkoloraj temploj kaj dioj por ĉiu okazo. Ĝenerale dioj havas bonegan vivon en Tajvano – ili ĉiam ricevas adoron kaj paperan monon kaj kelkfoje ili eĉ vojaĝas por viziti unu la alian.

  宗教的重要：台灣有很多廟宇，供奉掌管各種事務的神。在台灣神都受到好的待遇：他們接受紙錢，並且常常旅行，互相訪問。

- Betelnuksoj: betelpalmoj estas ĉie kaj duono de la loĝantaro ŝajnas vivi de tiu drogo. Nekredeble!

  檳榔：濱榔樹無所不在，半數居民似乎靠這個藥物過活。

- Kultura diverseco: Amis, Paiwan kaj aliaj indiĝenaj triboj; Hakka, Hoklo kaj aliaj ĉinaj popoloj; japanaj kaj eŭropaj influoj.

  多元文化：有阿美、排灣和別的原住民的部落，有客家人、河洛人和別的漢人，還有日本和歐洲的文化影響。

- Lingva kaoso: *zhong*, *chung*, *jhong* aŭ *jong*? Du diversaj manieroj skribi la ĉinan plus almenaŭ kvar diversaj metodoj por latinigi ekzemple stratnomojn – oni nenion trovas...

  文字的混雜： zhong, chung, jhong 還是 jong？兩種中文的寫法加上四種拉丁化的方式，使人無法靠路牌找路。

En Douliu mi ĝoje revidis kunlernanton de la Esperanto-Insulo: profesoron Manlajo. Li montris al mi eksan fabrikon de sukero kaj aliajn restaĵojn de la japana regado. Plej grandan impreson faris procesio en Beigang. Neniam antaŭe mi vidis religian feston en templo kie partoprenis ne nur drakoj, muzikistoj kaj portistoj de flagoj, sed ankaŭ duonnudaj dancistinoj de striptizo. Interesege! Helpe de Manlajo mi tre proksimiĝis al tradicia idealo de la ĉina filozofio: sidi en montara gastejo, admiri pejzaĝon, trinki kaj babili.

在斗六我遇到在世界語島的同學萬來。他帶領我參觀糖廠遺址和一些日治時代的遺跡。北港的遊行給我最大的震撼：我從沒見過在廟中祭典裡，除了舞 龍者、樂隊、及扛旗者以外，還有半裸的脫衣舞孃參與。有意思！萬來幫助我更瞭解中國哲學中古典式的理想生活：坐在山莊裡、觀賞風景、飲酒談心。

**Tajvanaĵoj, kiujn mi volus havi ankaŭ en Eŭropo:**

**我希望在歐洲也有這些台灣型的事物：**

- Muzikemaj ŝarĝaŭtoj: la rubofortransportistoj ludas la malnovan polan kompozicion „virgulina preĝo“. La tajvana insulo estas kovrita de tiu muziko kaj post kelkaj tagoj oni ne plu volas vivi sen aŭdi tion.

  音樂垃圾車：收集垃圾的卡車每天都在放送著波蘭作曲者的「少女的祈禱」。台灣滿島都是這種音樂。幾天聽不到它會讓人活不下去呢。
- Librovendejoj kiel en Taipei: ĉiutage malfermitaj dum 24 horoj!

  台北的書店：每天二十四小時開放！
- Kuketoj kaj aliaj dolĉaĵoj kun ananasoj, bananoj, taro-plantoj...

  含有鳳梨、香蕉、芋頭的糕餅及其它甜點…
- Specialaj restoracioj por matenmanĝo.

  專賣早餐的餐廳。
- Domoj por rakontantoj: kulturcentroj kie oni rakontas fabelojn ktp. (En Eŭropo ni havas bankojn kaj politikistojn kiuj rakontas fabelojn, sed ili estas malpli amuzaj.)

  說書場：可以聽傳奇故事的文化中心。（在歐洲有些銀行和政治家也講故事，但他們的故事沒有那麼引人入勝。）
- Semaforoj kun verdaj viretoj kiuj marŝas: Kiam la fazo de verda lumo ekfiniĝas, ili plirapidiĝas.

  有邁步小綠人的交通號誌；綠燈快結束時，小綠人加速跑步。

Poste mi atingis Pingdong, kie Reza fervore agas kiel misiisto por Esperanto kaj organizas grandan grupon. Mi akompanis la lernantojn de Reza en la plej diversaj kampoj: Mi vivis en la masaĝkliniko de Kevin, partoprenis en jogo-klaso de Yvonne (bonŝance neniu faris fotojn!), vizitis lernejon kun Ingrid, promenis en butikcentrego kun Aminda kaj Mishelina, pilgrimis al la monaĥejo Fo Guang Shan, manĝis Hakka kuiraĵojn kaj admiris indiĝenajn tribojn kiuj faras vitroperlojn... La plej mirigan karieron faris probable Rico: antaŭe paraŝutisto en la armeo – nun studento de kosmetiko. Esperantistoj estas vere multkolora popolo.

然後我抵達屏東市。這裡 Reza 充當世界語的使者，組成了一個大型聚會。我可以跟隨 Reza 的學生到很多不同的地方去：我住在 Kevin 的按摩診所，參與 Yvonne 的瑜伽班(幸好當時沒人拍照)，和 Ingrid 參觀學校，和 Aminda 和 Mishelina 到市中心血拼，到佛光山進香，吃客家菜，到原住民部落看他們製做玻璃珍珠…… Rico 有最奇異的生涯：他從前是軍中降落傘部隊的隊員，現在在學美容。一樣的世界語養育多樣的人啊。

## Memstara vojaĝo ĉirkaŭ Tajvano
## 我敢於獨自遍遊台灣

La semajnoj ĉe esperantistoj bonege preparis min por memstara vojaĝo ĉirkaŭ Tajvano. Mi iris ankoraŭ al Taidong, Hualian, Taroko gorĝo, Tainan, Lugang kaj Taichung, suno-luno-lago kaj finfine Taipei. Tre mirigis min la manko de eksterlandaj turistoj: Tajvano havas belegan pejzaĝon, bonegajn manĝaĵojn kaj abundon de vidindaĵoj – do kial mi ofte estis la sola fremdlanda vizitanto?!

世界語者陪我的一週使我敢於獨自遍遊台灣。我到過台東、花蓮、太魯閣、台南、鹿港和台中、日月潭。最後抵達台北。使我驚奇的是有很多沒有別的外國人像我一樣到過的杝方。台灣有好山好水，好吃的，好看的，但爲什麼我常常是獨一無二的外國遊客呢？

Reveninta en Eŭropon mi vizitis en Italio apud Rimini la „Esperanto-Kasteleton". Tie profesoro Rüdiger Sachs organizis dum multaj jaroj kursojn de Esperanto kaj gastigis lernantojn de la Akademio Internacia de la Sciencoj en la najbara urbo San Marino. Bedaŭrinde tiu Esperanta akademio endormiĝis kaj baldaŭ la kasteleto vendiĝos. Probable en futuro oni ne povas atendi multon de Eŭropo; la ĉinoj devos konstrui novan mondon...

回到歐洲，我參觀了意大利 Rimini 附近的「世界語小城堡」。這裡 Rüdiger Sachs 教授多年來開世界語的課程，並招待在鄰近的 San Marino 市國際科學院的學生。可惜這個世界語的學院已進入睡眠狀態，並且聽說小城堡即將出售。說不定對將來不能指望歐洲了；嶄新的世界將由中國建立。

Mi estas tre dankema ke tiel multaj homoj dividis tagojn de siaj vivoj kun mi kaj ke mi povis vidi la landojn en la alia flanko de la tero. Ŝanĝi monon por neforgeseblaj travivaĵoj estas ĉiam bona ideo!

我感謝這麼多人願意分出他們的時間和生活，使我能遊歷地球的另一面。把金錢換成難忘的經歷是個蠻不錯的點子。

# Hao ke'ai – kiel Tajvano ĉarmis min
好可愛－台灣如何迷住了我

***Yvonne Siemann*** **宜芳**
***Germanio*** **德國**

**Miaj travivaĵoj en Tajvano kun ĉarmaj ĉiutagaĵoj, manĝaĵoj, strata trafiko kaj la ĉina lingvo.**
**我在台灣的生活點滴－可愛的日用品、食物、交通秩序和語言**




Jam en la flughaveno mi konatiĝis kun unu el la veraj famuloj de Tajvano. Fakte, ĝi estas japano sed nun ĝi tajvaniĝis kaj ornamas tajvanajn aviadilojn…

來到台灣，在機場我便已發現了台灣的一項特色；這特色本來是日本的，但現在已經台灣化了，並且已經用來裝璜台灣的飛機。…

Mi ofte renkontis ĝin kiam mi estis en Tajvano kaj ĝi montris al mi ke en Tajvano ĉio povas esti *ke'ai* (ĉarma). Mi vidis ĉarman publikan telefonon, ĉarman rubkeston, ĉarman saŭcujon, ĉarman benzinpumpilon… Fakte la tajvananoj (kaj aliaj orientaj azianoj) estas tre kreivaj kiam ili dezajnas ĉarmajn produktojn – tio ankaŭ povas esti USB-poŝmemoriloj aŭ kompaktaj diskoj.

這特色在台灣無所不在，便是把所有東西都做得「可愛」。我看到可愛的公用電話、可愛的垃圾箱、可愛的加油喞筒，等等。其實台灣和所有的東亞國家一樣，在設計東西時極富創造力－因此可以設計出可愛的東西，包括 USB 記憶體、光碟等等。

Mi ankaŭ vidis multajn ĉarmajn hundetojn, sed mi ne tute komprenis kial iuj portis kostumojn de drako aŭ fiŝo… precipe mi trovas amuzaj la hundetetojn kiuj portas vestaĵon kun surskribo „POLICE“ aŭ „SUPER-MAN“. Eŭropo vere estas teda loko, la bestoj ne interesiĝas pri modo…!

我看到很多可愛的小狗，但不能理解為何牠們穿著可愛的繡著龍或魚的衣服。我特別驚喜的`是有繡著「警察」、「超人」等字樣的狗衣。歐洲人很呆板，他們的動物不懂得時髦。

La tajvananoj tre ŝatas Eŭropon, ĉefe la francan ĉefurbon – kvankam la plej granda parto neniam vizitis Parizon... Mi ne scias kiom da Eiffel-turoj mi vidis ĉiutage en la agentejoj pri nuptofestoj, sur bildkartoj, kalendaroj, tasoj, ĉemizoj… eble nur en Japanio estas pli da Eiffel-turoj!

台灣人很喜歡歐洲，特別是法國首都－雖然大多數台灣人都沒去過那個城市。埃菲爾鐵塔到處可見：我在婚紗店裡、風景卡片上、月曆上、杯子上、襯衫上……都看得見它。也許只有在日本，埃菲爾鐵塔會出現更多次。

La tajvananoj vere ŝategas ĉarmajn aferojn, sed unu afero estas pli grava – la manĝaĵo! Manĝante la tajvananoj diskutas la manĝaĵon, komparas la manĝaĵon al alia manĝaĵo, rigardas televidan elsendon pri specialaj nudeloj en alia urbo kaj poste planas la venontan manĝeblecon, eble en la nokta bazaro. Kie vi povas aĉeti la plej bonan *hakka* manĝaĵon, ĉu la toŭfuopudingo (荳花) en tiu vendejo estas tiel bongusta kiel antaŭe, ĉu la tarobuloj (芋頭酥) en tiu servejo ĉe la aŭtovojo indas iri kromvojon? Do mi ofte demandis al mi kial la domoj en Tajvano havas kuirejojn? Ne surprizas ke la tajvananoj salutas per „吃飯了沒有? Ĉu vi jam manĝis?“ Kelkfoje vi vidas multajn homojn en la strato kiuj vicas, do, restu – indas atendi la verŝajne tre bongustan manĝaĵon. En la vojo de mia domo al bushaltejo mi povis manĝi anasan viandon, rizon kun stufita porkviando (魯肉飯), frititajn batatojn (番薯片), italan glaciaĵon, tajvanajn lumpiojn (潤餅), frititajn knelojn (鍋貼), multajn specojn de nudeloj, vaporumitajn panetojn (饅頭), suŝion, dolĉan supon (甜湯) k.t.p. – mi ankaŭ povis manĝi la specialaĵojn de Hsinchu: rizonudelojn (米粉) kaj viandobulojn



(貢丸)… Mi forgesis la multajn fruktovendejojn – Tajvano vere estas fruktoparadizo! Ankaŭ estas la nokta bazaro: tie vi povas manĝi strangajn aferojn kiel malbonodora toŭfuo (臭豆腐) aŭ porksanga gelatenaĵo (豬血糕). La tajvananoj ne atendas ke la eksterlandanoj manĝu tion, sed se vi vere manĝas ili tre ĝojas! Tamen mi pensas ke la plej speciala manĝaĵo kiun mi manĝis estis rizo en bambutubo (竹筒飯) kaj fungoglaciaĵo. Se vi interesiĝas pri la manĝeblecoj en Hsinchu: la urbodomo publikigis mapon laŭ kiu vi povas trovi la plej tradiciajn kaj famajn manĝejojn. Do iom post iom, mi ankaŭ ekkonis kelkajn famajn manĝejojn. Kiam mi vizitis la faman vendejon de dolĉa supo Dongqu Fenyuan 東區粉圓 en Taipei, mi ankaŭ dokumentis mian glaciaĵon (刨冰) per foto – mi tajvaniĝis!

台灣人真的喜歡可愛的東西，但還有一種更重要的東西，便是食物。台灣人吃飯的時候討論食物，比較正在吃的的食物和別種食物的口味，在電視上觀 看別的城市的食物，然後計劃下一餐要吃什麼；是不是到夜市去吃東西呢？哪裡的客家料理最好？這家店的荳花是否和以前一樣好？前街的芋頭值得我們走過去吃嗎？我常問自己，爲什麼台灣的住宅還要有廚房？台灣人用「吃飯了沒有？」打招呼不值得大驚小怪。好幾次我看到很多人在街邊排隊，那些佳餚真正值得等待。在 從我家到公車站的那條路上，我可以吃到鴨肉、魯肉飯、炸番薯片、意大利冰淇淋、潤餅、鍋貼、各種麵條、饅頭、壽司、甜湯等等－－我也喜歡吃新竹的特產：米 粉、貢丸……我忘了談水果店了。台灣真是水果的天堂。還有夜市，那裡可以吃到不少古 怪的東西，像臭豆腐、豬血糕等等。但是我認爲我吃過的最古怪的食物是竹筒飯和木耳冰。如果你對新竹的食物感興趣，在市政府發行的地圖上你可以找到最傳統和 最著名的餐廳。我已逐漸去過一些有名的餐廳了。當我嘗過台北的東區粉丸又給刨冰照過像以後，我已自認爲台灣人了。

Finfine, mi ankaŭ lernis ke manĝaĵo povas esti *ke'ai* – en Eŭropo oni ne havas ananaskukon kiu similas katon, mangoskulpturojn aŭ rizopiramidon en bambuofolio (粽子) faritaj el ŝtofo aŭ plastaj perloj…

最後我要說的是食物也可以可愛。在歐洲你吃不到形狀像貓的鳳梨酥，芒果雕像或竹葉包糯米帶餡的金字塔(粽子)。

Sed unu aferon en Tajvano mi vere malŝategas: la trafiko. Tajvano estas tre sekura lando, ne estas multaj krimoj – sed la stratoj estas tre danĝeraj. La tajvananoj ofte zorgas pri aliaj, precipe pri ilia sekureco, ili eĉ fermas la pordojn de siaj aŭtoj per ŝlosilo kiam ili veturas, pro la rabistoj – sed la plej danĝera afero ne estas la rabistoj sed la aliaj aŭtoj kaj speciale la motorcikloj! Verŝajne la motorciklistoj kelkfoje ne scias

ke en Tajvano oni devas veturi dekstre, ne maldekstre, ili ne scias la signifon de la ruĝa trafiklumo kaj ili ankaŭ ne scias ke estas aliaj homoj en la strato. Sed eĉ la motorciklistoj havas ĉarmajn motorciklojn (kun Hello Kitty) kaj ĉarmajn kaskojn en formo de frago aŭ akvomelono. Kontraŭe mi trovas iomete stranga la rubaŭton kiu ludas melodiojn – kiel interligi “A Maiden’s prayer” aŭ “Pour Elise” kun la rubo?? En Eŭropo oni simple devas memori la horaron de la rubaŭto kiam oni volas meti la rubon eksteren.

但在台灣有一件事我最厭惡，那便是交通秩序。台灣是一個安全的國家，犯罪不多，但是台灣的街道非常危險。台灣人常常爲安全擔憂，在開車時要把 車門鎖牢，以防搶匪。－－但真正該防的不是搶匪，而是旁邊的那輛車，尤其是機車。有些機車騎士好像不知道要靠右邊行駛，而把車騎到左邊。他們也不睬理交通 號誌的紅燈，又好像街上沒有別人。但他們的機車上掛著可愛的 Hello Kitty, 他們的安全帽有青蛙或西瓜的造型。另外我感到有點奇怪的是垃圾車奏出「少女的願望」或「致愛麗絲」的樂曲。我看不出這些樂曲和垃圾有什麼關聯。在歐洲我 們必須記住垃圾車到達的時間，而事先把垃圾搬到門外。



Fakte mi ne estis en Tajvano por manĝi, trovi ĉarmajn objektetojn aŭ miri pri la rubaŭto – sed mi volis lerni la ĉinan. La ĉina estas tre facila lingvo sed tre malsimilas al la eŭropaj lingvoj. Ekzemple, por mi, silaboj kiel *diao*, *tiao*, *jiao* kaj *qiao* (ㄉㄧㄠ, ㄊㄧㄠ, ㄐㄧㄠ, ㄑㄧㄠ) sonas same. Mi ankoraŭ ne povas memori la vortojn 音響 (*yīnxiàng*) sono, 影像 (*yǐngxiàng*) figuro, 印象 (*yìnxiàng*) impreso kaj 影響 (*yǐngxiǎng*) influo! La ĉina ankaŭ havas multajn multajn ideogramojn kiujn mi malfacile memoris – sed mia tajvana amikino diris al mi ke ankaŭ ŝi ofte skribas en la silabaro *bopomofo* (alfabeto fonetika por havi prononcon de la vortoj por infanoj kaj komencantoj, uzata nur en Tajvano) kiam ŝi

malbone memoras la ideogramojn! Do mi unue legas librojn por infanoj, libroj por plenkreskuloj ankoraŭ estas iomete malfacilaj. En Eŭropo, la ŝtato devigas eksterlandanojn lerni la lingvon, sed en Tajvano ne. Do la tajvananoj surpriziĝas se vi parolas la ĉinan. Imagu ke vi eniras en vendejon. Vendisto: 你會講中文嗎? Ĉu vi parolas la ĉinan? Mi: 一點點. Iomete. Vendisto: 哇! 你的中文很利害阿! Via ĉina vere estas tre bona!

其實我來台灣不是為了吃、尋找可愛的東西，或為垃圾車驚奇。我是為了學習中國語言而來的。華語並不難，但和歐洲語言大不相同。例如對我，「刁、挑、交、敲」好像同音。我也不能記住「音響」、「影像」、「印象」和「影響」在發音上的區別。再者中國字成千上萬，很難記住。但是我的台灣朋友說， 她也是常常先用ㄅㄆㄇㄈ（這些注音符號只在台灣使用）拼音，再慢慢回憶漢字的正確寫法。我先讀兒童讀物，成人的書還是不容易讀。在歐洲通常要求外國人先學會語言，而在台灣不是這樣。試想你到商店裡買東西時會有這樣的交談：店員：「你會講中文嗎? 」我：「一點點。」店員：「哇! 你的中文很利害啊! 」

Ĉar mi nun revenis al mia lando mi esperas ke mi ne forgesos la ĉinan lingvon – aŭ Tajvanon. Bonŝance mi havas amikojn en Tajvano kiuj skribas al mi en la ĉina, kaj mi ankaŭ aĉetis multajn librojn en la ĉina kiujn mi nun volas legi por praktiki – multajn ĉarmajn librojn!

現在我已經回國了。我希望不要忘記中文－－也許該叫台文吧。好在我在台灣交了幾位好朋友，她們會用中文寫信給我。我也買了很多中文書，以便練習。－－很多可愛的中文書哦！

## Memorinda vizito de naŭ japanoj al Tajvano
## 九位日本客人在台灣難忘的遊歷

***Reza Kheirkhah* 薛瑞察**

En la 25a de Oktobro 2012 naŭ Esperantistoj (8 inoj kaj unu viro) alvenis al Tajvano por unusemajna restado. Mi iris al Tajpeo por akcepti ilin kaj post unu tranokto tie la postan tagon kun ili revenis al Pingtung, mia urbo en la sudo. Tie atendis ilin amaso da programeroj.

2012 年 10 月 25 日，九位世界語者（八位女士，一位先生）抵達台北。我到台北迎接他們；停留一夜又一日後，便陪他們回到我在南部的城市，屏東。在屏東有一大堆節目等候著他們。

En vendredo la 26a ni havis komunan vespermanĝon al kiu aliĝis ĉirkaŭ 20 lokaj esperantistoj kaj iuj simpantiantoj de Esperanto. Poste ĉiuj sinprezentis kaj ni havis ĝojan tempon.

二十六日星期五晚上我們聚餐，大約有二十位本地的世界語者及世界語贊助者參加。晚餐後大家自我介紹。我們度過快樂的時光。



En sabato ni vizitis lokan faman monton (Sandiman) sur kiu loĝas fama tajvana aborigena popolo. Tri aŭtoj veturis tien kaj poste sur la monto ni tagmanĝis. La venonta celo estis Kaohsiung, kie post ekskurso per boato sur la rivero Amo, ni havis posttagmezan kafumon ĉe la oficejo de Honda en tiu urbo. La edzino kaj filo de la estro estis la du ŝoforoj kiuj akompanis la japanojn dum la tuta tago. Post iom da vizito al la urbo ni revenis al Pingtung kaj tie en la oficejo de Honda ni vespermanĝis kaj dume la estro (li estras ambaŭ oficejojn) regalis ĉiujn per fama tajvana Ulon-teo.

星期六我們到屏東山地門旅遊。那兒有台灣的原住民居住著。共有三輛車開去，大家在山上午餐。下一個目的地是高雄－台灣的第二大都市。我們在愛河上泛舟，並在日本本田汽車公司高雄辦公室飲咖啡。主人的太太和兒子爲日本客人整天開車。略逛高雄後我們回到屏東。本田的主人主持高雄和屏東兩個分公司，我們在他屏東的公司裡晚餐，然後他請大家飲有名的烏龍茶。

En kultur-centro de la urbo la japanaj gastoj prezentis siajn agadojn en Yokohama: kvar plej grandaj festivaloj de Japanio (de s-ro Aida); konstruo de lernejoj en Haitio per volontula kaj mon-helpo de japanoj Esperantistaj kaj neEsperantistaj (de s-ino Takaoka); Yatsugatake Esperanto-Domo (de s-ino Ueno). Tie ni ankaŭ festis la naskiĝtagon de elstara Esperanto-interpretisto kaj -instruisto s-ino Ingrid Chuang.

Kompreneble ni ankaŭ prezentis pri Esperanto al dekoj da homoj kiuj partoprenis la eventon.

然後在本市的一個文化中心由日本客人展示他們在橫濱的各種活動：四個大慶典（由相田先生介紹）；日本世界語者及非世界語者以人力和物力在海地建立幾所學校（由高岡女士介紹）；及日本的八ヶ岳世界語大樓的展示（由上農女士介紹）。同時那天剛好是我們的世界語的譯員莊迎華老師的生日，我們也一併爲她慶生。當然我們也爲十位參加的非世界語者簡介世界語。

Dimanĉo la 28a de Oktobro estis la pinto de la programo: granda buso portis la japanojn kaj pli ol dudek aliajn esperantistojn kaj neesperantistojn al Tainan gubernio, kie ni vizitis belajn kaj specialajn lokojn, i.a.: Monto de Salo; Arba tunelo tra rivero bela. Post tagmanĝo en fama restoracio de Tainan, ni vizitis kelkajn vidindaĵojn de la urbo, inkluzive fama Nederlanda Kastelo, iama ambasadejo de Nederlando. Fine ni kolektiĝis en trinkejo kie ĉiu ĝuis propran ŝatatan trinkaĵon. Dume reĝisorino Hsueh Chang-hui, kies filmo E.SHA Epoko antaŭ du jaroj estis prezentita tra Tajvano en grandaj kinejoj (la DVD aperis kun subtitoloj inkluzive Esperanto kaj haveblas ĉe la libroservo de UEA), venis por renkonti la japanojn.



十月廿八日，星期日，是節目的高潮。大巴士帶著日本客人及二十幾位世界語者和非世界語者到參觀原台南縣的鹽山、台江國家公園等名勝。 然後我們在台南市有名的周氏蝦捲餐廳吃午餐。飯後我們參觀一些台南市的名勝，包括一座以前曾是荷蘭大使館的安平古堡。最後我們在飲料店聚會，每人喝他自己喜歡的飲料。電影導演薛常慧女士也來和日本客人見面。她兩年前導演的電影「藝霞年代」曾在台灣的電影院上映。其光碟有各種語文的字幕，有世界語字幕的在 UEA 的書籍供應部有售。

Preskaŭ ĉiuj japanoj vizitis la klinikon de s-ro Kevin Shih, kie laboras deko da masaĝistoj inter kiuj du parolas bone Esperanton, inkluzive la estro Kevin. La kliniko (sur kies nomŝildo ankaŭ aperas Esperanto) estas tre proksime al la hotelo kie la japanoj loĝis kaj tial ili fojfoje vizitis ĝin piede.

差不多每一位日本朋友在台時都參觀過施驊恩先生的按摩診所。那裡有十位按摩師，其中兩位能說流暢的世界語，其一便是所長施驊恩先生。在診所的招牌上也有世界語。因爲診所就在日本客人住的旅館附近，所以他們常去訪問，有人還去過好幾次。

Tiu vizito entuziasmigis la lokajn Esperantistojn kaj tiel multe helpis al la tajvana movado kaj iuj gastoj esprimis la deziron ree viziti nin.

這次訪問是爲本地世界語運動加油。有人表示還想再來訪問我們。

Estas menciinde ke la grupo apartenas al la malnova Esperanto-klubo nomata Verda Merkredo (ĉar ili havas kunvenojn en merkredoj dufoje monate) kie Reza dum sia restado en Japanio ankaŭ instruis ilin kaj kun kiu en la jaro 2000 ili vizitis Iranon.

值得一提的是訪問者都是名叫「綠色星期三」的世界語俱樂部的成員。這名字表示俱樂部每月有兩次在星期三聚會。Reza 在日本時曾爲他們講授世界語，又在 2000 年俱樂部曾訪問過伊朗。

Jen fotoj pri la vizito:
訪問的照片放在下網址：http://www.ipernity.com/doc/rezamenhof

## Miaj impresoj pri la vojaĝo en Tajvano
## 我到台灣旅行的印象

***Aida Yayoi*** 相田 彌生
***Japanio*** 日本

Dank' al la alvoko de s-ino Takaoka, la zorganto de la grupo Verda Merkredo, mi partoprenis la vojaĝon en Tajvano unu semajnon en malfrua oktobro. Bona vetero, bongustaj manĝaĵoj, raraj dancoj de la aborigenoj, kaj precipe ekscita vizito al la Nova Nacia Palaco-Muzeo 新故宮博物院 k.a. estis neforgeseblaj spertoj en la vojaĝo, sed tamen ĉi tie mi ne mencios ilin unu post la alia, kaj volus anstataŭe koncentri mian temon pri homoj kiujn mi renkontis dum la semajno.

感謝綠色星期三的經理人高岡女士的召喚，我在十月初參加了爲時一週的台灣旅行。好天氣、好食物、難得一見的原住民舞蹈、參觀新故宮博物院等都是這次旅行難忘的經驗，但我在本文中不擬一一談論這些，而願專注於我在這一星期中遇到的人物。

La plezuron kaj fruktodonan rikolton ĉi-fojan ni sendube ŝuldis al s-ro Reza Kheirkhah, loĝanta en Pingtung 屏東, suda parto de Tajvano. Sen lia granda klopodo kaj liaj helpemaj geamikoj, nia vojaĝo ne povus sukcesi, nek ni povus pli profundigi reciprokan komprenon inter malsamaj kulturoj.

這次旅行的欣喜與豐收當然歸功於住在台灣南部屏東市的薛瑞察先生。若沒有他的努力和他的朋友們的協助，這次旅遊不會成功，我們也不能得到不同文化間深度的互相瞭解。

Mi konatiĝis kun s-ro Reza eble en la unua duono de la 1990aj jaroj. Mi memoras, ke li vizitis nian Hama-Rondon (en Yokohama) por prelegi pri persa lingvo. Tiutempe li faris 10 volumojn de son-gazeto Najtingalo, kiujn mi ofte aŭskultis. Ĉar mi ne estis membro de Verda Merkredo (Esperanto-klubo en Yokohama kie Reza instruis dum jaroj), mi neniam ricevis lian lecionon. Mi renkontis lin lastfoje kiam li foriris de Japanio edziĝinte al tajvana virino. De tiam jam pasis 12 jaroj. Li nun estas la patro de ĉarma filino Ailin, kies desegno aperis sur la kovrilo de la revuo Esperanto. Li tamen ne multe ŝanĝiĝis; amika, zorgema, intelekta, ŝercema, konciza en parolo. Mi konstatis, ke li estas natura gvidanto pli malstrikta ol persista, kaj tamen lia pasio al Esperanto ŝajne penetris malrapide sed signife en la koron de la lernantoj. Pro lia persona ĉarmo ĉirkaŭis multaj esperantistoj kaj diversspecaj simpatiantoj. Ili ĝuis kuneston kun li. Gratulinde, ke lia peno bone fruktis nun.

在一九九〇年代的上半，我就認識瑞察先生了。我記得他到我們的橫濱社團來講波斯語。那時他完成了叫「夜鶯」的有聲雜誌，是十捲錄音帶，我時 常聆聽。當時瑞察在綠色星期三（橫濱的世界語俱樂部）教授會話，因爲我不是會員，所以沒上過他的課。我上一次見到他，是他離開日本，和一位台灣女士結婚的 時候。到現在已經十二年了。現在他有一個小學六年級的可愛女兒愛琳，她的繪畫曾出現在一本世界語雜誌的封面上。其實他沒改變多少，仍舊是那樣地友善、關 心、有智慧、幽默並且講話明晰。我認爲他的教導的方式自然、放任而不堅持，但能使學生心中重視。由於他個人的魅力，使得很多世界語者和世界語

同情者環繞在 他的身邊。他也高興和他們爲伍。現在他的努力有成，可喜可賀。

Tieaj esperantistoj estis junaj kompare kun tiuj de Japanio. Ili esподeble subtenos estontan esperantujon en Tajvano. S-ino Ingrid Chuang prizorgis nian programon senferie kun s-ro Reza. Ŝi estis fidinda interpretisto inter ni kaj ne-esperantistoj tajvanaj. S-ino Flora Chen invitite de Hirosima E-societo venis Japanion kun Ingrid en 2008. Ŝi disdonis al ĉiuj en nia ekskursa buso grandajn oranĝojn rikoltitajn en sia ĝardeno. S-ino Simone, novzelandano allogis min pro sia kosmopolita vivmaniero, libera kaj aventurema. Ŝi akompanis nin ĝis la lasta adiaŭo ĉe la stacidomo Kaohsiung 高雄, ĉiam kun modesta konduto kaj milda mieno. Poligloto ŝi estas kaj instruis antaŭlonge anglan lingvon en du universitatoj en la gubernio Fukui en Japanio. Unu el la mezlernejanoj partoprenintaj en la unua kunveno poste venis kvarfoje sinsekve. Ni miris, ke li fariĝis pli kaj pli pozitiva kaj iom progresinta en Esperanto.

和日本比較，台灣的世界語者較年輕。他們可望將來把台灣建立 成世界語的國度。莊迎華女士和瑞察無休地安排我們的日程。陳蓓蓓女士和她於 2008 年曾被廣島世界語協會邀請到過日本。陳女士在遊覽車上分一些碩大的橘子 給大家，那是她的果園生產的。紐西蘭籍的西蒙女士崇尚自由、不畏冒險且四海爲家。這種性格吸引了我。她陪伴我們一直到在高雄火車站說再見的時候爲止。她謙虛，溫和，能講多種語言，在日本的福岡縣的兩所大學裡教授英語。有一位中學生第一次就參加我們的會議，其後連續來過四次。他使我驚奇的是：他一次比一次更 積極，更進步。

Kelkaj grupanoj vizitis s-ron Kevin en lia masaĝejo, kies ŝildo estas ankaŭ en Esperanto. Li antaŭe invitite partoprenis Japanan Kongreson de Koofu en 2009, sed tiam mi ne ricevis lian masaĝon. La kliniko prosperas kun multaj klientoj, kiuj frekventas ĝis la noktomezo. Mi kun mia edzo unuafoje ricevis plando-kaj-kruro-masaĝon, tre komfortan. Li klarigis esperante pri miaj korpaj malbonaĵoj. Aliaj masaĝistoj krom unu ankoraŭ ne komprenis Esperanton. S-ro Kevin estas agema, ŝajne senlaca junulo. Dank'al lia bona organizado nia esperanta renkontiĝo plivigliĝis. Lia memoro, kune kun lia fileto (kiu ridetante babiletis Esperante kun ni kaj kiu nomiĝis Fiŝo) restos longe ĉe ni ĉiuj.

我們幾組人士訪問過按摩師施驊恩先生。他的招牌上除中文外也有世界語。在 2009 年他曾參加過在甲府召開的全日本世界語大會。他的 診所很興旺，直到半夜主顧不斷上門。我和我的先生曾接受過一次腿脚按摩，感覺非常舒適。他用世

界語講解我的身體的狀況。別的按摩師中，除一人外，都不懂世 界語。施先生是位有活力的青年，似乎永遠不會累。由於他的組織力，我們的世界語會議更有活力。他的兒子叫 Fiŝo, 常笑著和我們用世界語對話。這位小朋友，還有施先生的記憶力，會長時留在我們的腦海中。

Min surprizis la vasta interrilato de s-ro Reza. Li havas konatojn en diversaj kampoj. La vizito al la oficejo de Honda aŭto-kompanio en Kaohsiung estis unu ekzemplo. La estro mem regalis nin en sia luksa ĉambro per fama tajvana teo uzante bonkvalitan teaĵon. Tie troviĝis iu etoso, kiu trankviligis nian animon. Admirante ni trinkis la servitan teon, kaj samtempe laŭdis la grandan pentraĵon sur la muro. Ĝi estis majstraĵo farita de lia edzino Helena. Antaŭ kelkaj jaroj ŝi lernis Esperanton, kaj ĉi-foje kun la gaja filo helpis nin kiel du ŝoforoj. Mi emociiĝis pensante kiel multaj tajvananoj kunlaboris kun s-ro Reza por havigi al ni ĝojan sperton en Tajvano.

瑞察先生廣大的交遊使我驚奇。他各方面都有熟人。我們參觀高雄的本田汽車公司便是一個例子。總經理用高品質的台灣茶招待我們。這裡的氣氛使 我們精神安適。當我們喝茶時看到牆上掛著一幅很大的畫，那是經理夫人的作品。幾年前夫人學過世界語。這回她和她快樂的兒子充當兩位司機，幫我們開車。我由衷感謝這麼多人和瑞察先生合作，使我們的台灣經驗異常愉快。

Laste mi mencios pri ne privataj homoj sed amasaj gejunuloj, kiuj tuj leviĝis de la seĝo ekvidante maljunulojn eniri en la subteran trajnon. Mi estis surprizita de la rapida movo. En Japanio mi ofte ricevas tian bonkorecon, sed en Tajvano senescepte okazis tiaj scenoj. Tio ĉi estis efiko de la edukado, laŭ la klarigo de la universitata profesoro, kiu invitis nian samgrupanon, s-inon Takaoka pro Haiti-projekto (laŭ kiu japanoj konstruigis multajn lernejojn en Haitio), kaj bonŝance mi kaj mia edzo akompanis ilin al vegetara restoracio por babili pri diversaj aferoj. Nia interparolo estis farita per la angla, la komuna lingvo por la kvaropo.

最後我想一提的，不是個人家中的事，而是一群年輕人，他們在地下鐵路的車上看到年長者上車便立即讓座的事。讓座的動作極快。 在日本我有時也受到過這種禮遇，但在台灣這種場景從無例外。照一位大學教授的說明，這是教育的效果。這位教授邀請我們同組的高岡女士在素菜館用餐，同時談 日本人在海地興學的計劃。我們用英語交談，因爲英語是在場四個人的共同語言。

# Tajvana Movado en 2013
# 2013 年在台灣的運動

***Reza Kheirkhah* 薛瑞察**

## Kurso de Esperanto ĉe komunuma universitato
## 屏北區社區大學的世界語課程

Por la 3a semestro ĝi okazis kun dek lernantoj kaj kvankam la nombro ne sufiĉis por malfermo de la kurso ĉe tiu kolegio, tamen pro aparta atento kaj subteno oni akceptis la kurson.

這課程已經延續三個學期了。因爲只有十位學生，不符合社區大學的開課規定，但因爲該課程的特殊性及持續性，校方接受了這個課程。




Ni havis tri instruistojn por tiu malgranda grupo kaj tial povis bone dividi la lernantojn laŭ iliaj niveloj. Krom Reza, la ĉefa instruisto, ankaŭ instruis Ingrid Chuang, la konstanta asista intruisto kaj Simone Robert, novzelandano nun loĝanta en Tajvano. Okazis diversaj agadoj krom la lernado, ekzemple kontakto kun aliaj kluboj en aliaj landoj, partopreno en iuj civitaj agadoj ktp.

這個小班卻有三位老師。所以可以把學生按程度分組。薛瑞察是主要教師，莊迎華是長期的協助教師，另有還有現在住在台灣的紐西蘭籍的 Simone Robert 女士。我們除上課外還有種種別的活動，例如和國外的社團接觸、參與城市活動，等等。

## PAKEO en 1250 ekzempleroj
## 「世界語放在口袋中」發行 1250 份

Okaze de la 125a jubileo de Esperanto ni eldonis entute 1250 kopiojn de tiu internacia informilo en la ĉina lingvo. El tiu nombro 500 eldoniĝis tutkolore kaj bele kaj aliaj nigrablanke sed sur kolora papero (verda aŭ




blua). Ni disdonis ĝin en diversaj agadoj kie ni havis ŝancon prezenti Esperanton kaj ankaŭ en niaj kursoj de Esperanto donis al lernantoj po kelkaj por ke ili disdonu al konatoj kaj amikoj.

爲了紀念世界語 125 週年，我們印行了這項說明書的正體中文版計 1250 份。其中 500 份用美麗的彩色印刷，另外的是黑白版印在藍或綠色的紙張上。我們在各種活動時散發它，也發給同學們每人數張，好讓他們送給親朋好友。



## Nia lasta kurso kaj nova patrino
## 最後一堂課和新媽媽

Nia lasta kurso de komunuma universitato okazis ĉe teejo de s-ino Omura (Aminda), japana Esperanto-studento! Jen la studentoj de la kurso. Dekstre en la mezo sidas Tina, kiu studis la germanan lingvon kaj nun rapide lernas Esperanton. En la unua tago de Januaro ŝi naskis novan bebon, unu semajnon post tiu ĉi fotiĝo. Apud ŝi sidas ŝia edzo Keith, la fotisto de multaj fotoj de nia lasta Zamenhofa Festo.




## La sola tajvana biblioteko kun Esperantaj libroj
## 在台灣唯一有世界語書籍的圖書館

Dank' al Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen, lastjare Tajvano ricevis pakaĵon da valoraj libroj en Esperanto, inkluzive la plej granda Esperanto-Ĉina vortaro. Tiuokaze Pingrong mezalta lernejo, kie dum dek jaroj okazas kurso de Esperanto, dediĉis angulon al Esperanto en sia biblioteko.

## Esperanto en Pingrong lernejo por la 10a jaro
## 世界語在屏榮中學的第十年

Nia nova kurso malfermiĝis kun 27 studentoj de diversaj fakoj en la plej granda mezalta lernejo (ĉirkaŭ 3000 studentoj) en la sudo de Tajvano. Ni komencis kontakti alilandajn Esperantistojn kaj ĉiuj lernantoj jam aliĝis al la paĝaro de Lernu.net, kie ili lernas la lingvon kaj ankaŭ serĉas geamikojn en eksterlando.


Dum la kurso ni foje ludas diversajn ludojn




此次的新課程有二十七位同學，來自屏榮中學（擁有 3000 位同學的南台灣最大的中學）的各科。我們和國外的世界語者多有接觸。每位同學爲了學習語言都和 Lernu.net 網頁連線也都尋求外國的朋友。

Maldekstre: Atestilo por la kurso ĉe Pingrong lernejo kiun ni disdonas ĉiam en la fino de ĉiu lerneja jaro al la studentoj.

## La sola masaĝejo, kie Esperanto estas parolata

Jen la masaĝa kliniko de Kevin Shih, kiu estas aktiva Esperantisto kaj estras la solan tiuspecan klinikon en la mondo, kie Esperanto estas parolata. Preskaŭ ĉiuj Esperantistoj kiuj vizitis la sudon de Tajvano, ankaŭ vizitas ĝin por malstreĉiĝi dum iom da tempo !



## Nova lernolibro por tajvananoj
為台灣人寫的新課本

Okaze de la kampanjo 125 en Tajvano aperis nova lernolibro pri Esperanto. Ĝi estas traduko de la populara libro verkita de Stano Marček.

在台灣慶祝世界語 125 週年的活動中，有一本新的世界語課本出現。它是譯自 Stano Marček 著的通行的課本。




Oni en Tajvano antaŭe uzis la ĉinan version de la sama libro, sed ĉar en Tajvano la skribo estas ne tute sama kiel la ĉina, kiu uzas simpligitajn ideogramojn, multaj havis malfacilaĵojn legi la ĉinan version. Tial tajvanaj esperantistoj decidis traduki la lernilon al tradicia ĉina lingvo.

從前在台灣使用同書在中國發行的簡體字版（同時也用 Dennis Keefe 著的 BEK 課本），但因在台灣使用正體字，不用簡體字，所以讀起那版本有相當多的困難。因此台灣的世界語者決定以正體字重譯該書。

Tiun tradukon faris s-ino Ingrid Chuang, kiu delonge instruas Esperanton ofte kune kun Reza Kheirkhah en diversaj lernejoj. Ankaŭ s-ro Rico Chen helpis la redaktadon. La libro en la fino havas dudirektan vortaron.

這次翻譯由莊迎華女士執筆，她和薛瑞察同在幾所學校教授世界語。陳奕州先生也協助編輯。書末附有雙向的世漢及漢世字典。

## Hanoja UK per miaj okuloj
## 我眼中的越南河內世界語大會

***Abengo* 卓照明**

Inter la 28a de julio kaj la 4a de aŭgusto Manlajo kaj mi partoprenis en la 97-a Universala Kongreso en Hanojo.

第九十七屆[的全球世界語大會在越南河內舉行。台灣方面有我和游萬來教授參加此大會。

La solenan malfermon, kiu komenciĝis per dancado de vjetnamaj gejunuloj, gvidis la prezidanto de UEA Probal Dasgupta. La vicprezidanto Nguyen Thi Doan donis koran saluton al la kongresanoj. La temo de la kongreso estis: "Sur la ponto al paco, amikeco kaj disvolviĝo". Laŭ la kongresa libro aliĝis 845 esperantistoj el 60 landoj al la kongreso.

開幕典禮在河內科技大學的禮堂舉行，越南少年表演迎賓舞之後由全球世界語協會的會長印度教授 Probal Dasgupta 主持，越南女副總統 Nguyen Thi Doan 親自出席致詞。本次大會的主題是：通往和平，友誼和發展的語言。依大會資料，有來自六十國，845 名世界語者報名參加此大會。

Dum la solena malfermo mi staris sur la podio kiel unu el la alilandaj deligitoj por doni salutmesaĝon al la kongresanoj. Dum la periodo de la kongreso estis diversaj kunsidoj, prelegoj, movada foiro, librofoiro, lingvokursoj kaj ekzamenoj, nacia vespero, filmo kaj teatraĵo. Mi ĝuis la ŝancon praktiki mian esperantan parolon kaj renkontiĝi kun multaj alilandaj samideanoj en la kongreso.



Kun vjetnamaj junulinoj

在開幕典禮時我可以如其他國家代表上台致祝賀詞。在大會期間有不同的討論和演講，文化運動展，書展，語言教學和測驗。我利用此機會練習世界語會話,且認識許多異國的世界語同好者.

Mi donis prelegon kun la temo "Esperantigo de aziaj vortoj" dum la kleriga lundo kaj partoprenis en la altnivela KER-ekzameno de Esperanto. Mia prelego iris glate kaj allogis pli ol 30 aŭskultantojn. La parola kaj skriba partoj de la ekzameno kune daŭris pli ol kvin horojn, sed mi faris bone kaj kalkulis ke mi jam pasis la ekzamenon.

在文化星期一的題裏我提出<<亞洲詞彙世界語化>>，演講進行順利，至少吸引三十位聽眾。大會期間有提供 KER 世界語檢定考試和考試的練習。我報名參加高級世界語的檢定。此檢定包括口試和筆試币部份，全部時間超過五小時。我認爲考試順利，以爲已經通過此考試。

Vjetnama nacia vespero, bankedo, filmo kaj teatraĵo buntigis la kongreson. Ĉe la librofoiro mi foliumis multe da libroj kaj aĉetis ilin malmultekoste. Por sendi la librojn per poŝto mi devis pagi pli ol 100 eŭrojn.

越南晚會，晚宴，電影和戲劇欣賞等使大會變精彩。在大會的書展可以自由的翻閱讀書，也可以便宜的價錢買書。我買的書單要以郵包寄出，就得花四千元新台幣。

Multe da konataj samideanoj denove troviĝis en la kongreso. Inter ili estis ĉ. 50 japanaj oomotoanoj kaj ĉ. 30 koreaj ŭonbulanoj. Ili parolis esperante bone kaj entuziasme propagandis siajn religiojn kaj siajn patrujojn.


Faka kunsido pri spiritismo

在大會看到許多熟悉的面孔。其中大約有五十名日本大本教的敎友和傳教士，來自韓國的圓佛教信士。他們皆能說世界語，且熱心的宣傳他們的宗教和他們祖國的文化。

La plej signifaj atingoj de mi ĉe la kongreso estis la partopreno en la altnivela KER-ekzameno de Esperanto kaj la prezentado de mia prelego pri la esperantigo de aziaj vortoj. Mia apero en ĉi tiu kongreso permesis ke la samideanoj plie sciu la atingojn de Tajvano en libereco, demokratio, ekonomia kaj kultura disvolviĝoj.

本次參加大會最大的成就是參加 KER 的世界語能力檢定和提出一篇有關亞洲詞彙世界語化的演講，讓一些外國朋友更認識台灣在民主自由，世界文化經濟舞台上的成就。

Antaŭ kaj post la kongreso mi vojaĝis tra Vjetnamio por turismo. La vidindaĵoj, kiujn mi vizitis estis ekzemple: Malnova kvartalo de Hanojo,

Golfeto Han Long, la Citadelo de Hue, la pitoreska kultura urbo Hoi An, la Muzeo de Champaj Skulptaĵoj en Da Nang, diversaj muzeoj en Urbo Hoĉimin, Insuloj de Mekong-rivero, la granda statuo en la duoninsulo Vung Tau, ktp. Dum mia restado en Ho-Ĉi-Min-urbo mi faris kontaktojn kun lokaj esperantistoj kaj donis prelegon al vjetnamaj esperantistoj pri la temo ”La Vidindaĵoj de Tajvano kaj la Vjetnamoj en Tajvano“.

在大會之前和之後,我徧遊了越南各地，所參觀的名勝有許多，例如：北部的下龍灣，河內的古街，順化的京城，惠安的文化街道，在硯港的占婆雕塑博物館，胡志明市的許多博物館，湄公河三角州，以及頭頓的大型耶穌立像。在胡志明市時和當地的世界語者有觸，提出一世界語演講，講題是<<台灣的名勝以及在台灣的越南人>>

Mi volas daŭrigi mian agadon pri Esperanto per partopreno en la 7-a Azia Esperanto-kongreso en Jerusalemo aprile de 2013 kaj la 98-a UK en Islando en septembro 2013. Mi finas mian raporton per la slogano ”Esperanto estas la lingvo por ni“.

我打算報名參加明年四月在耶路薩冷的第七屆亞洲世界語大會，以及明年在冰島舉行的第九十八屆全球世界語大會，繼續努力。我以這句話結本報告：<<世界語是我們的語言>>。

## Tajvana Zamenhof-Festo, multkolora kaj multlanda
## 多彩多姿多國參與的台灣柴誕節

***Reza Kheirkhah* 薛瑞察**

### Renkonto kun goriloj kaj grimpo al Kilimanĝaro en Tajvano!
### 在台灣和大猩猩相遇並攀登吉利馬札山

Kiel kutime ankaŭ la ĉi-jara Zamenhof-Festo okazis en la suda urbo Pingtung, kie la solaj kursoj de Esperanto en Tajvano ekzistas.

照往常的慣例，今年的柴誕節慶典仍在南部的屏東舉行，因爲只在屏東有世界語的課程。

Partoprenis la eventon pli ol 30 personoj el entute ses landoj: Nov-Zelando, Kanado, Usono, Filipinoj, Irano kaj Tajvano. Ĉirkaŭ duono de la partoprenantoj estis neEsperantistoj kaj tial ni havis programon dum




kiu la internacia lingvo estis prezentita. Dum la paŭzo oni servis bonkvalitan kafon, fruktojn, iranajn teon kaj jogurton kaj aliajn manĝetojn.

參與者三十人來自六個國家：除台灣外，還有來自紐西蘭、加拿大、美國、菲律賓和伊朗等國的人員參與這盛會。因參與者有半數不諳世界語，所以節目包含世界語的簡介。休息時間我們提供了優質的咖啡、水果、伊朗茶、優格和其它小吃。

Simone Robert el Nov-Zelando prezentis kun multaj fotoj siajn aventurojn en Afriko, kie ŝi grimpis al Kilimanĝaro, la plej alta monto tie kaj renkontis gorilojn en Ugando.



紐西蘭的 Simone Robert 女士介紹她在非洲旅遊的經歷，包括攀登全非洲最高的吉利馬札山和在烏干達和大猩猩相會的故事，並展示了很多照片。

Tina Chang, nia juna Esperanto-studento, parolis pri la ekologia kampo sur kiu ŝi kaj la edzo laboras profesie.

Ili jam ricevis oficialan ateston pri tio. Poste ŝia edzo Keith Chang prezentis siajn multajn belajn fotojn, kiujn li faris dum jaroj.

曾若華女士，我們最年輕的世界語同學，講述她和她的先生經營的有機農場。這農場已通過政府的有機驗證。她的先生張傑雄後來又展示了他過去幾年的照片。



Keith Chang fotis dum la festo

Inter la amuzaj programeroj estis ludo de fluto de Rico Chen kaj tre alloga kaj lerta diabolo-ludo de Jolie Tseng kaj prezentado de specialaj fotoj de Gigo Chien pri sia afrika vojaĝo. Plej populara estis Esperanta kanto "Ĉu vi volas danci?" kiun oni kune kantis kaj Yvonne Chen, jogo-instruisto kaj lernanto de Esperanto, gvidis la publikon kundanci.

在這些有趣的節目中間又穿插了陳奕州的中國笛演奏和曾筱芃的好玩又熟練的扯鈴表演，還有簡之郘小姐在非洲旅遊的特殊攝影。最熱門的是大家合唱世界語歌曲「你要跳舞嗎？」，還有學習世界語的瑜珈老師陳雅雯帶領大家一同跳有氧舞蹈。

Akompanis la feston bela kaj riĉa broŝuro, kiun redaktis Reza kaj tradukis al la ĉina lingvo prof. Wang Ju-kwei, elstara Esperantisto kiu daŭre kaj dum jaroj tradukadas ĉinajn literaturaĵojn al Esperanto.

會中發出印製精美的手冊。手冊由薛瑞察編輯並由王九逵教授中譯。 王教授是傑出的世界語者，在過去幾年不斷翻譯了很多中國文學作品成世界語。

Interpreton de la prelegoj kaj anoncoj faris Ingrid Chuang, unu el la du instruistoj de Esperanto en la urbo. La festo okazis en la 15a de Decembro 2012.

報幕及演說的口譯均由莊迎華女士擔任。她是本市兩位世界語教員之一。慶典是於二〇一二年十二月十五日舉行的。

Vidu la fotojn – 照片見：http://www.ipernity.com/doc/rezamenhof

kaj filmojn – 本慶典的影片見：http://www.youtube.com/watch?v=CG__adP3Aoo

# Grimpi Odyssey… ekstermonda sperto!

***Grego Kay***
***Usono* 美國**

Kvankam someris, mateno ankoraŭ malvarmetis monte. Kaj malgraŭ frueco mi vekiĝis antaŭ horoj dank' al scivola mefito kaj neatentemaj tranoktantoj (ni lasis manĝaĵon ie-tie). Denove mefitoj! Mi jam havis malagrablajn spertojn kun ili pli frue somere: ili manĝis multajn ovojn kaj mortigis du kokojn antaŭ ol mi metis finon al ilia rab-ekskurso. Inter ĉiuj el la bestaro mefitoj verŝajne plej komplete kunigas homajn malvirtojn: malŝparemo, fiodoro kaj obstino…



Feliĉe, ĉi tago finiĝos nek kun mefita fiodoro naze nek pensoj pri homaj fuŝoj mense. Ne, ĉi tago ĵus komenciĝis kaj estos plenplena de aventuro. Ni ŝultrumis plenfarĉitajn dorsosakojn kaj ekmalsupreniris.

La rokoj troviĝas je unu marŝada horo malsupre de preskaŭ 3000-metra montpinto. La altejŝatantajn pinarbojn kaj tremolojn anstataŭis kverkoj kaj jen subite neatendita pejzaĝo de tri krutaj klifoj, la mardioj: Neptun, Aegir kaj Poseidon. Tiuj tri klifoj nur videblas je okcidenta flanko, kaŝitaj ĝis oni staras tute proksime. Tiam kaj nur tiam oni povus vidi ke la krutaj klifoj rekte alsupras 300 metrojn.

Kvankam iuj povas kuri 300 metrojn en malpli ol minuto, fojfoje necesas horoj por grimpi saman distancon. La mardioj apartenas al "tradicia" grimpejo. Tio signifas ke homoj grimpas ilin per malfortaĵoj en la rokoj. Tiuj malfortaĵoj ĉefe estas fendoj kaj truoj kie homoj povas enmeti manojn, piedojn kaj sekurigilojn. Per sekurigiloj oni grimpas relative sendanĝere. Ekzemple, oni grimpas unu metron, enmetas



sekurigilon en fendon, ligas ŝnuron al sekurigilo (jam ligita al grimpanto) kaj denove ekgrimpas. Tiel eĉ se oni falus super la lasta peco de sekurigo, oni nur falus duoblan distancon pli ol oni estas super ĝi. Se temas pri malfacila grimpo, oni provas enmeti pli da sekurigo: do ĉiumetre aŭ eĉ pli ofte. Nuntempe sekurigiloj ofte estas boltoj: boritaj kaj lasitaj en la rokoj de la unuaj alsuprantoj. Longdong (龍洞) en nord-orienta Tajvano havas multajn tiajn grimpvojojn. Bone borita bolto povus facile teni malpezan aŭton kaj donas multe da memfido al grimpanto. En tradicia grimpejo oni preskaŭ ne renkontas boltojn. Anstataŭe oni grimpas "pure", kio signifas ke ĉiu sekurigilo metita de la unua grimpanto estas poste reelprenita de la sekvanto. Tiel oni lasas neniun spuron. Oni do ne nur zorgas pri grimpado, sed ankaŭ pri sekurigiloj.

Tiun tagon ni planis grimpi Odyssey ĉe la okcidenta flanko de Poseidon. Ĝi estis unue grimpita en 1975 de la pioniroj de ĉi tiu regiono. Tiam ĝi ricevis la plej altan takson kiu ekzistis, 5.11. La kerno de Odyssey estas 50-metra fendo kvazaŭ tranĉita en blankroza granito. Ĉar ĝi estas tradicia grimpo, oni ne nur devas grimpi sed samtempe bezonas enmeti sekurigilojn…

Kiel priskribi la preskaŭ unu horon kiun mi uzis por grimpi Odyssey…



ĝi estas kvazaŭ ekstermonda sperto: temas pri kompleta koncentriĝo, mense kaj korpe. La mensa elemento estas ege grava; sen kompleta memfido oni panikus kaj sendube falus. Kvankam falo ne egalas morton, la motivo estas grimpi "pure", sen faloj. Por mi, grimpi 5.11, je limo de mia korpa kapablo, ĉiu moviĝo streĉas min ne



nur muskole sed ankaŭ anime. Nenio gravas krom bona sekurigo kaj perfekta moviĝado: malrapida, intenca, kontrolante ĉiujn manajn kaj piedajn tenilojn. Mi ofte enmetas sekurigilon, poste tirante ĝin por konfirmi ĝian sekurecon. Kiel araneo mi lasas ŝnuron ĉe kruta klifo esperante ke neniam necesos pezigi la sistemon fadenan.

Kaj post sukcesa grimpo, kio? Nenio betona. Fojfoje amiko fotis grimpon sed pli ofte nur restas memoro. Sed kia memoro! Ekscito intermiksita kun timo, samtempa fascino pri natura beleco kaj mallimo de memfido. Kaj ĉio ĉi daŭras unu horon! Kiel drogmaniulo mi estas allogita… Mi ridetas pensante ke Odyssey nur estas unu grimpo ĉe forgesita anguleto de la mondo: roko troviĝas ĉie!

## Grimpado al monto Kilimanĝaro
## 攀登吉利馬扎羅山

***Simone Robert***

*Simone Robert naskiĝis en Antverpeno, Belgio, kaj poste pro la laboro de la patro translokiĝis al la sudo de Belgio kie oni parolas la francan. Naŭjara ŝi translokiĝis al Afriko denove pro laboro de patro. Fine ŝi sin trovis en Novzelando kie ŝi studis kaj vivis longe. Dum jaroj ŝi vojaĝis tra la mondo ĉu por turismo aŭ por laboro. Ĉirkaŭ kvin jarojn ŝi loĝis en Tajvano, kvankam ne sinsekve. Ŝi estas aventurema kaj amas grimpadon al la montoj tutmonde. Jen unu el tiuj aventuroj pri grimpo al Kilimanĝaro, la plej alta monto de Afriko. Simone estas vegetarano kaj preskaŭ neniam vizitas kuraciston! Nun ŝi loĝas en suda urbo Pingtung en Tajvano kaj helpas ankaŭ pri Esperanto-instruado.*

Kilimanĝaro en Tanzanio kun alteco de 5895 metroj estas la plej alta monto en Afriko. Unu el la malmultaj grimpvojoj al la pinto estas

Machame, kiu ŝajne havas la plej belan pejzaĝon. Gvidantoj kaj portistoj estas devigaj por tiu vojo.

坦尙尼亞的吉利馬扎羅山，海拔 5895 公尺，是非洲的第一高峰。登頂的路線不多，其中風景最美的，是瑪查美路線。我們請了嚮導和挑夫，一同上山。

Mi elektis la Machame grimpvojon. La teamo konsistis el ses personoj: gvidanto Good Luck, gvidasistanto-portisto, kuiristo, kelnero kaj du pliaj portistoj. Tiam ŝajnis iom ekscese havi ses homojn por prizorgi min. Tamen, mi baldaŭ komprenis ke ilia salajro, kvankam nur inter 10 kaj 12 usonaj dolaroj tage kun dankmono por nia septaga aventuro, kovros ilian vivkoston de la tuta familio por kvar ĝis ses monatoj.



我們上山走瑪查美路線。嚮導「福氣」(Good Luck)、助理嚮導兼挑夫、廚師、服務員和另二位挑夫共六人和我一同登山。六人照料我一個人似乎太多了一點，但不久我便知道，他們的薪資，每人每天十至十二美元，外加小費，七天下來，足够六個四口之家半年的生活開銷。

Komence, mi esploris rete pri la lokaj ekspediciaj agentejoj, por certigi ke la sumo kiun mi pagos, nur profitigos la lokajn loĝantojn. Mi ankaŭ volis certigi ke la dungitoj estos bone zorgitaj. Ekzemple, ke ili havu taŭgajn vestaĵojn kaj botojn; la pezo de portaĵoj estu laŭleĝa; kaj ke ili havu tri kompletajn manĝojn tage. Tial ĉiuj estis kontentaj pri la kondiĉoj, kaj ni ekveturis havante bonajn sentojn. Ni havis multe da agrablaj kaj amuzaj momentoj kune. Cetere mi provizis ilin ĉiutage per belga ĉokolado. Ĉar mi estas 71-jara, ili plejparte vokis min 'bibi' kio signifas 'avinjo' en la svahila, kaj foje vokis min 'sister' kio signifas 'fratino'.

先是，我上網查詢當地的旅行社，希望我的花費，僅用到當地人身上，也希望雇到的人，身體健康，並能受到良好的照顧。例如，他們都有適當的衣服和登山靴，背包也不超過法定的重量，並且每餐都吃得够飽。每人對這種安排都很滿意。從啓程時起，大家都很開心；我們度過一段美好的時光。我帶來一些比利時巧克力，每天 都分一些給大家。我 71 歲了。他們稱我「bibi」（斯華希里語：奶奶）或「sister」（英語：大姊）。



Ni supreniris tra la abunda pluvarbaro ĝis kiam ni atingis vastegan montoregionon gvidantan nin al suprenirado tra mirinda luneca pejzaĝo. Finfine, ni atingis la bazon de kie ni volis grimpi al la pinto de Kilimanĝaro.

我們向上攀登，經過了大片的雨林，到達了寬廣的山區。再往上出現了月球表面的景像。最後我們抵達了吉利馬扎羅山的頂峰。

Kvankam ne necesas teknika grimplerteco, oni bezonas eltenemon kaj fizikan bonstaton por sukcese kompletigi la tutan grimpvojon. Fakte, nur ĉ. 60% de grimpantoj atingas la pinton. Bedaŭrinde, altituda malsano povas afekti iujn. Multaj spertas mildajn ĝis severajn simptomojn. Ofte oni devas eskorti malsanajn grimpantojn, aŭ al pli malalta alteco por resaniĝo aŭ se grave, al la bazo. Feliĉe mi suferis neniujn simptomojn.



這次登山雖然不需要攀岩技巧，但需要耐力，並且身體要處於健康狀態，才能攻頂成功。事實上，只有 60%的登山客抵達山頂。每位登山客都可能患高山症，症狀有輕有重，輕的要攙扶到較低的地方休息，重的要攙扶下山。幸好我沒有感到任何不適。

Je la kvina tago, miaj du gvidantoj kaj mi rampis el niaj komfortaj dormosakoj. Bonege vestitaj ni alfrontis la akran malvarmon dum la karbe nigra nokto. Post rapida matenmanĝo, ni komencis grimpi je la 3a matene. La temperaturo ne multe pliboniĝis dum la tago, sed ni estis rekompencitaj per blua ĉielo kaj brila krepusko ĝis la sunleviĝo.

第五天我的正副嚮導和我本人，早晨爬出舒適的睡袋。好在在漆黑的夜裏我們穿得够多，可以和酷寒對抗。這是在登山的路程中的第三個早晨，在日出前，曙光已甚明亮，但氣溫並沒有回暖。

De la bazo ĝis la montopinto mi grimpis... fakte peze paŝis... uzante mian propran malrapidan 'pole pole'-paŝon. Tiel, mi ĝuis la pejzaĝon sen anhelo.




從山脚到山頂我都是用爬的。事實上我的步伐很重，啪啦啪啦地慢行。因此我不會氣喘，可以舒暢地前進。

Fine, atinginte mian celon mi sentis min tute kontenta kaj ekzaltita. Starante sur la tegmento de Afriko je la alteco de 5895 m, mi kore admiris ĉirkaŭantajn majestajn pejzaĝojn en hela sunbrilo.

最後達到我的目的地，我心滿意足，精神振奮。站在標高 5895 公尺的非洲屋頂上，我在明亮的日光下景仰著四周雄偉的景色。

Estis nekredebla septaga aventuro!

這七天的探險行程，令人難以置信！

# Kun montogoriloj en Ugando
在烏干達和山地大猩猩共生

***Simone Robert***

La aventuro komenciĝis en Kisoro en la sudokcidenta angulo de Ugando. Veturante de Entebbe al Kampala, finfine post 11 horoj ni atingis renovigitan hotelon *Travelers Rest*. La usona zoologino Dian Fossey ofte loĝis tie dum la 1960aj kaj 1970aj jaroj, dum ripozo aŭ kiam ŝi surpaperigis rezultojn de siaj praktikaj esploradoj pri montogoriloj en ĉirkaŭaj tropikaj arbaregoj.

這項活動發生在烏干達西南角的基索羅地區。從恩德培乘火車往坎伯拉，十一個小時後便抵達名叫「Travelers' Rest」（旅客休眠）的旅館，在上世紀六十年代和七十年代，美國動物學家 Dian Fossey 便常常住在這旅館休息，記錄她圍繞赤道森林對山地大猩猩的研究。

Post mallonga ripozo, ni veturis frumatene dudek turmentajn kilometrojn sur malbonega vojo ĝis la *Gorilla Conservation Headquarters* (centro por protektado de goriloj) en nacia parko *Bwindi Impenetrable Tropical Forest National Park* (nepenetrebla tropika arbarego Bwindi). Tie, iu informis nin kaj instrukciis pri nia konduto antaŭ goriloj, ekzemple: ne kuri for; ne fari viglan movon, ne havi okulkontakton kun virgorilo, kaj se estus tuŝita, ne moviĝi.

稍做休息後，我們便開車行經二十公里顛簸的道路，抵達布恩迪原始森林國家公園的山地大猩猩保護區。在這裡有人教導我們遇到大猩猩時的行動：例如，不要跑，不可有活潑的動作，不能和雄猩猩有目光接觸，如果牠接觸摸你，你要站立不動。

La tutmonda nombro nur estas proksimume 700 montogoriloj apud la landlimoj de Ugando, Ruando kaj Kongo. Proksimume 320 el ili libere vagas en tiu vastega arbarego en Ugando. El ili, nur 8 gorilofamilioj havas kontaktojn kun vizitantoj. Por gardi ilian bonstaton, ĉiu familio vidas nur unu grupon de maksimume 8 vizitantoj tage kaj dum nur unu horo. Ĉiu vizitanto pagas 550 usonajn dolarojn por la permesilo.

全世界的山地大猩猩大約只剩七百隻，分佈在烏干達、盧安達和剛果的邊界處，其中三百二十隻，無拘無束地在烏干達的廣大森林中漫遊。其中只有八個猩猩家

庭可以讓遊客接觸。為了維護牠們的康寧，每個猩猩家庭每天最多接見一組最多八位遊客，限時一小時。並且每位遊客必須購得一張准許證，其價格為 550 美元。

Sekvante tre proksime nian gvidanton, ni grimpis malsupren dum du horoj ĝis kiam ni atingis spursekvitajn gorilojn en valo. Nia asignita grupo konsistis el dek-kvar inkluzive tri arĝentodorsuloj (inter aĝo de 10 kaj 12 jaroj, unu strio da haroj arĝentiĝas sur virgorila dorso), du pli junaj virgoriloj, gorilinoj, gejunuloj kaj infanoj.

緊跟著我們的嚮導，我們向下爬了兩小時，在山谷中終於找到和我們要接觸的猩猩的蹤踪。指定讓我們接觸的那群猩猩共有十四隻，其中三隻是背上有一條鮮明銀色鬃毛的的雄猩猩，年齡在 10 歲和 12 歲之間，另有兩隻較年輕的雄猩猩。其它便是雌猩猩，猩猩少年和猩猩嬰兒了。



Ni rimarkis ilin venante nian direkton, ludante kaj maĉante tra la foliaroj. La plenaĝuloj plenstreĉante tiris vitojn kaj branĉojn dum la junuloj estis pelitaj supren en arbojn, kaj skuante la branĉojn faligis la foliojn teren. Ŝajne tiuj grandaj, fortaj, sovaĵaj bestoj estas mildaj gigantoj krom se ili sentas sin provokitaj aŭ agacitaj. Stari nur du aŭ tri metrojn de kelkaj el ili estis ekscite, kvankam ankaŭ iomete malkomforte...

我們看見猩猩們一邊玩，一邊嘴裡嚼著東西，穿過樹葉，朝我們的方向走來了。成年猩猩伸展身體，拉下整個枝條，又把小猩猩趕到樹上，讓牠們搖著樹枝，使樹葉落到地上。似乎這些碩大孔武有力的野獸，若不被激怒，都是溫和的巨人。無論如何站在離牠們中間幾個只有兩三公尺的地方，確實讓人感到與奮，但也有些不安。

Kiam virgorilo dufoje manfrapis la femuron de mia najbarino kaj tenante ĝin rigardis al ŝia vizaĝo, ni tute ne moviĝis. Eble, ni ankaŭ tute ne spiris ĝis li foriris!

當雄猩猩拍打我身邊的女士的大腿時，我們都立定不動，停止呼吸，直到雄猩猩走開爲止。

Alian fojon, mia fotilo altiris alian virgorilon kiu provis ekpreni ĝin. Sed, kiam nia gvidanto, farinte kvietan geston inter la fotilo kaj la granda mano, igis lin baldaŭ retiriĝi, ankaŭ mi malstreĉiĝis. Se li persistus, mi ne povus liberigi la fotilon kies rimeno estis ĉirkaŭ mia pojno.

另一次我的照相機引來了另一隻雄猩猩，牠想要把玩它。我們的嚮導在照相機和大手之間輕輕地做了一個手勢，牠立刻退却，我也鬆了一口氣。因爲如果牠硬搶，照相機的帶子綁在我的手腕上，我連放掉照相機都做不到。

Fine, ĉiuj vagante inter ni moviĝis iomete pli alten en la arbarego krom unu kiu decidis sidante manĝi iom da tero sur nia mallarĝa revenvojo. Tiu tero enhavas mineralojn kiuj utilas al ilia sano. Bedaŭrinde ni devis foriri, do uzante iom da gorila grimptekniko ni mem grimpinte supren en la densa arbarego, preterpasis nian amikon post rea malsupreniro sur la revenvojo kaj foriris.

最後幾乎每隻在我們中間走動的猩猩都走向大樹林的高處去了。只有一隻決定坐在我們回去的路中間，吃些泥土。這泥土含有礦物質，對牠們健康有益。於是學著用一些猩猩的攀爬技術，我們也爬到濃密的林間我們的猩猩朋友們的後面。然後我們再向下爬，沿來時的道路走上回程。

La du junaj arĝentodorsuloj, krom fari ritan blufon, vere batalas inter si kaj ankaŭ kontraŭ la maljuna malfortiĝanta ĉefo. Antaŭnelonge ricevitaj severaj vundoj estis videblaj ĉe la ĉefo kaj unu alia. Fine, la plej forta fariĝos nova grupestro kiu povos gvidi kaj penos protekti sian familion. Sed ĉiuj scias la malgajan fakton, ke protekti endanĝerigitajn montogorilojn bedaŭrinde tute dependas je la bonvolo de homoj.

忽然兩隻年輕的銀背猩猩，除了通常的戲耍以外，認真地交起鋒來了；並且向牠們已衰老的今天的領袖挑釁。不久以後在老猩猩和兩隻互相纏鬥的年輕猩猩的身上都出現了傷痕。最後那隻較強的年輕猩猩變成了新的領袖，由牠來保護這群猩猩。但是大家都知道一個事實，就是保護瀕臨絕種的山地猩猩完全依賴於人類的善心。

Ĉiukaze, mi havis neforgeseblan travivaĵon pri renkontiĝo kun goriloj.

無論如何，我終生不會忘記這次和猩猩們的邂逅。

## La homo, kiu vin similas
## 像你一樣的人

***Hasano Ntahonsigaye***
***Burundo* 蒲隆地**
***trad. Abengo* 卓照明**

| | |
|---|---|
| Mi frapis je via pordo | 我扣你的門 |
| Mi frapis je via koro | 我扣你的心 |
| Por havi bonan liton | 爲想有張好床 |
| Por havi bonan fajron | 爲想有個暖火 |
| Kial repuŝi min | 爲什麼拒絕我 |
| Malfermu al mi, mia frato | 開門吧，我的兄弟 |
| | |
| Kial demandi min | 爲什麼查問 |
| Se mi estas el Afriko | 我是否來自非洲 |
| Se mi estas el Ameriko | 我是否來自美洲 |
| Se mi estas el Azio | 我是否來自亞洲 |
| Se mi estas el Eŭropo | 我是否來自歐洲 |
| Malfermu al mi, mia frato | 開門吧，我的兄弟 |
| | |
| Kial demandi min | 爲什麼查看 |
| Pri longeco de mia nazo | 我的鼻子多高 |
| Pri dikeco de mia buŝo | 我的嘴唇多厚 |
| Pri koloro de mia haŭto | 我的皮膚什麼顏色 |
| Kaj pri la nomo de miaj dioj | 我的神叫什麼名字 |
| Malfermu al mi, mia frato. | 爲我開門吧，我的兄弟 |
| | |
| Mi ne estas nigrulo | 我不是黑種人 |
| Mi ne estas ruĝulo | 我不是紅種人 |
| Mi ne estas flavulo | 我不是黃種人 |
| Mi ne estas blankulo | 我不是白種人 |
| Sed mi nur estas homo | 我只是人 |
| Malfermu al mi, mia frato. | 爲我開門吧，我的兄弟 |
| | |
| Malfermu al mi vian pordon | 爲我打開你的門 |
| Malfermu al mi vian koron | 我我打開你的心 |
| Ĉar mi estas homo | 因爲我是人 |
| La homo de ĉiuj tempoj | 任一時代的人 |
| La homo de ĉiuj ĉieloj | 任何地方的人 |
| La homo kiu vin similas. | 像你一樣的人 |

# 農婦與日兵
# La kamparanino kaj la japana soldato

***Long Ying-zong*** **龍瑛宗**
***elĉinigis Wang Ju-kwei*** 王九逵

日軍政佔了南寧城，而且駐紮著。班長古河上等兵，奉了命領著兵卒三名，跟軍伕張本順，前往城郊農村裡，去搜羅糧食。軍伕張本順，首次踩著大 陸，經過了羊城，又來到南寧城。這是歷史上有名的鎮南關麼？想著想著感慨萬千。古河班長也在想，朝鮮人等慰安婦，還沒有來到這裡戰地。好久沒有聞一聞女人味哪。趁著公幹打獵支那女人，也許，兵卒們挺喜歡。

La japana armeo okupis la urbon Nanning kaj garnizonis tie. Kaporalo Koga ricevis la ordonon, ke li konduku tri soldatojn kaj la tajvanan serviston Jhang Ben-shun kolekti manĝaĵojn en la kamparo. La armeservisto Jhang Ben-shun unuafoje venis kontinentan Ĉinion. Li pasis Kantonon kaj atingis Nanning. Li pensis, ke Nanning estis la konita interkrutejo garnizinta la sudon en historio. Samtempe Kogo pensis, ke ĉar la koreaj komfortigantinoj ankoraŭ ne venis, li devis kapti kelkajn ĉinajn virinojn por flari la bonodoron de la bela sekso. Eble la soldatoj ankaŭ ŝatas tion.

南寧城郊的農民，老早知道了東洋鬼子來到了。一家大小關著門，逃難去了。

Plejparto de la loĝantoj de Nanning, sciante, ke la japanoj estis venontaj, fermis siajn pordojn kaj tutfamilie forfuĝis.

日本兵將農家門扉用力踢開，進去查查看。客廳裡吊著搖籃，而微微地搖盪著。兵卒往前看看，籃上堆放一把稻草。把稻草打開來，下面躺著營養失調的嬰兒。那個嬰兒沒有哭泣，只以纖細小手揮舞著。

Ĉe iu kampara domo, kiam la japana soldato malfermis la pordon per piedbato, ili trovis skuetantan lulilon pendante en la salono. La soldatoj trovis pajlon en la lulilo, kaj sub la pajlo ili trovis subnutritan bebon, kiu ne ploris, sed nur svingis siajn manojn.

兵卒向班長報告：「發現了一個嬰兒。」古河班長嚷道：「有嬰兒，一定有女人。張本順，搜出女人來。」可疑的地方在半樓上，可是，沒有梯子。軍伕張本順，把凳子疊起來，目光掃瞄黑暗的地方。牆壁下豎立著篩子，其背後好像藏著人影。

La soldatoj raportis al la kaporalo, ke ili trovis bebon. Kaporalo Koga kriis: "Certe estas virino apud la bebo. Jhang Ben-shun, trovu la virinon!" La supozata kaŝejo estis inter plafono kaj tegmento, kien oni apenaŭ povis atingi sen ŝtuparo. La servisto de armeo Jhang Ben-shun metis benkojn unu sur alian, kaj rigardis la mallumejon. Tie li vidis apud la muro kribrilon, malantaŭ kiu estis persono.

張本順盯著眼，而一直凝視篩子。經過了一會兒，一個女人探頭出來，向張本順一邊磕頭，一邊以手勢指嘴唇，千萬切莫告訴東洋鬼子。好像看作張本順是活菩薩，磕頭又磕頭不止一兩次，悲愴的姿態浮現於全身。

Jhang Ben-shun fikse rigardis la kribrilon, kaj postmomente virino venis de malantaŭ ĝi kaj sur genuoj riverencis lin, dum ŝi fingromontris la fermitajn lipojn. Ŝi do adoradis Jhang Ben-shun kiel vivantan budhon, kaj ĉagreno kovris ŝian tutan korpon.

猛然地張本順憶起故鄉了，我們的南部風光與這裡農村差不多，人情風俗也差不多了。

Jhang Ben-shun subite memoris sian hejmlandon. La pejzaĝoj kaj kutimoj en vilaĝo de suda Tajvano similas al la ĉi tieaj.

昨日，抓的老百姓的臉龐，也與好友父親的臉龐一模一樣呢！營養失調的嬰兒，到現在還沒有哭泣起來。

La vizaĝo de la maljunulo, kiun li hieraŭ kaptis, similis al la vizaĝo de la patro de amiko. Ĝis nun la subnutrita bebo ankoraŭ ne ploris.

「沒有人啦！」張本順從凳子下來報告著。

"Tie neniu troviĝas!" Jhang Ben-shun subeniris de la benkoj kaj tiel raportis al la kaporalo.

「怎麼沒有，奇怪。」古河班長詫異地喊道。

"Kial neniu? Strange!" Kaporalo Koga mire kriis.

「確實，沒有女人。」張本順再說一聲。

"Neniu virino estis tie." Jhang Ben-shun ripetis.

兵卒插嘴說：「另外找尋吧，反正支那女人多得很。」古河班長嘴裡聽不清地，嘟喃著什麼。最後，還是叫他們撤離了。

La soldatoj interrompis: "Ni aliloke serĉu. Estas multaj ĉininoj." Kaporalo Koga grumblis ion, kion neniu aŭdis. Fine li ordonis retreton.

原載《聯合報》副刊，一九八四年五月一日。

Fonto de ĉina teksto:
http://cls.hs.yzu.edu.tw:88/hakka/author/long_ying_zong/long_composition/long_onlin/novel/n_b09.htm

人虎說

# La homa tigro

***Song Lian*** 宋濂

***elĉinigis Wang Ju-kwei*** 王九逵

莆田壺山下有路通海，販鬻者由之。至正丁未春，民衣虎皮，煅利鐵爲爪牙，習其奮躍之態，絕類。乃出伏灌莽中，使偵者緣木而覗，有負 囊至者，則嘯以爲信，虎躍出扼其吭殺之。或臠其肉爲噬嚙狀；裂其囊，拔物之尤者，餘封秘如故，示人弗疑。人競傳壺山下有虎不食人，惟吮其血，且神之。

Sub la Monto Kruĉo en Gubernio Putian estis la sola vojo kiu kondukis al la maro. Komercistoj ofte vojaĝis sur ĝi. Dum printempo de la jaro 1367, la viro Mino vestis sin en tigra felo, portis el fero forĝitajn tigrajn ungojn, lernis la manieron de tigra salto, kaj aperis samkiel tigro. Li kaŝiĝis en arbustaro, kaj petis kunulon grimpi sur arbon observadi. Kiam iu preterpasis kun sako sur dorso, la kunulo fajfu kiel birdo. Tiam la homa tigro elsaltis kaj strangolis la vojaĝanton. Poste li tranĉis la viktimon tiel, ke li ŝajnu esti mordita de tigro. Li malfermis la sakon, forprenis la valoraĵojn, kaj refermis la sakon kiel antaŭe. Do ĉiu kredis sen dubo, ke estis tigro sub la Monto Kruĉo, kiu ne manĝus homojn sed trinkus ilian sangon.

已而，民偶出，其婦守岩穴。聞木上嘯聲急，竟必有重貨，乃蒙皮而搏之。婦人質脆柔，販者得與抗。婦懼，逸去。微見其跖，人也。歸謀諸鄰，譟逐之。抵穴，獲金帛無算，民竟逃去。

Iam Mino eliris kaj lia edzino gardis la kavon apud la arbustaro. Ŝi aŭdis urĝantan fajfon kaj kredis, ke estis multekosta varo. Do ŝi surmetis la tigrohaŭton kaj eliris. Ĉar ŝi estis tiel malforta ke la komercisto povis batali kontraŭ ŝi, ŝi timis kaj forfuĝis. La komercisto ekzamenis ŝian spuron, kaj malkovris, ke estis homo, ne reala tigro. Li diris tion al najbaroj, kaj ili venis al la kavo, kie ili trovis multajn valoraĵojn. Mino forkuris.

嗚呼！世之人虎，豈獨民也哉！

Ho ve! En la mondo estas multaj homaj tigroj krom Mino!

Fonto de ĉina teksto:
http://www.yiqiyong.com/a/qiyeshangxueyuan/shangxueyuan/zhishiku/gudianmin/2010/0410/29762.html

# La lastaj vortoj

***Reza Kheirkhah* 薛瑞察**

Kara leginto aŭ legonto,

Ni venas al la fino de nia ĉi-numera gazeto. Mi esperas ke vi ĝuis legadon de niaj skriboj kaj artikoloj, kvankam mi iom dubas ke vi vere legis eĉ kelkajn el ili. Por mi tio ne gravas, estis grave nur, ke mi plenigu la gazeton iel ajn, petante al ĉiuj, eĉ neEsperantistoj, aŭ eĉ tiuj kiuj ne loĝas en Tajvano, ke ili verku kiom ajn pri kia ajn temo.

Pri fotoj okazis same, mi simple petis ke oni donu al mi iujn ajn fotojn por ke la artikoloj ne estu tute senornamaj kaj enuaj. Kaj fine kiam ankoraŭ mankis fotoj, mi decidis uzi ajnan foton kiu hazarde estis ĉemane. La foto ĉi-apude estas bona ekzemplo. Ĝin faris mia filino Ailin, perforte metinte sur mian kapon la perukon, kiun mia edzino iam uzis por ornami siajn studentojn por iu kosmetika konkurso



Por esti sincera al vi, mi devas konfesi ke unu kialo de uzo de tiu ĉi foto estas mia protesto kontraŭ iuj samideanoj en Tajvano, kiuj ĉiam forgesas kunlabori kaj verki ion por nia Formoza Folio. Se vi ne volas, ke tia foto denove aperu en nia gazeto, kiu ja temas pri serioza afero kiel Esperanto, do ekagu kaj kunlaboru! Se tio ne okazus, mi promesas ke en la venonta numero vi havos eĉ pli terurajn surprizojn, ne nur en tiu ĉi loko...

Kaj tamen kaj malgraŭ ĉio, mi diras al vi: Dankon ke vi venis al la fino de tiu ĉi gazeto kaj dankon ke vi legas tiun ĉi skribon en kiu vi trovas nenion gravan.

Kaj plue mi diras al vi: Feliĉan Novan Jaron!

Jen kvizeto: ĉu tiu ĉi skribo estas:

1- Serioza

2- Neserioza

3- Duonserioza

4- Neniu el tiuj

?

Sendu vian respondon al la redaktoro kaj tiuj kiuj trafos la ĝustan respondon, ricevos unu tutan jarabonon de tiu ĉi gazeto senpage (kaj tamen memoru ke ĝi aperas jare unu foje).

# Anoncoj

**2013** 年 **UEA** 會費表 (UEA membreco por 2013)

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 MG: | 會員含世界語運動指引 | 6 EUR = | **230 NT** |
| 2 MJ(-J): | 會員含年度手冊 (未滿 29 歲者 [含] 前, 成爲 TEJO 會員不另加收費用並贈送 Kontakto 雜誌) | 16 EUR = | **620 NT** |
| 3 MA(-T): | 會員-訂閱者: 如 MJ(-T) 加上 Esperanto 會刊 | 41 EUR = | **1600 NT** |
| 4 MA: | 獲得年度手冊及, Esperanto 會刊 (未滿 29 歲者 [含] 並贈送 Kontakto 雜誌) | 41 EUR = | **1600 NT** |

**Beletra Almanako 2013**

BA-Jarabono 2013 (3 numeroj: BA16, BA17, BA18) **1100 NT**
Ĉiu numero enhavos inter 140 kaj 176 paĝoj.
BA16 aperos proks. en Februaro/Marto,
BA17 proks. en Junio/Julio kaj
BA18 proks. en Oktobro 2013
http://www.beletraalmanako.com/aboni/index.html

**Juna amiko**

Revuo por komencantoj, por unu jaro kaj 3 numeroj **500 NT**

**Formoza Folio**

Unu numero **100 NT**
戶名：薛瑞察
存簿帳號: 0071001 1370724
郵局代號：700

Se vi deziras aboni iujn el tiuj gazetoj aŭ membriĝi en UEA bv. pagi la necesan sumon al la poŝtkonto menciita kaj informi min.

Reza

# *Beletra Almanako (BA)*

***BA* estas literatura periodaĵo, lanĉita en septembro 2007, kun 140 ĝis 176 paĝoj.** (*BA15*, esceptokaze, havis pli ol 190 paĝojn, kun tekstoj de premiitaj verkoj de la Belartaj Konkursoj 2012 de UEA.)

*BA* aperas trifoje jare, kun rubrikoj de i.a. poezio, prozo, eseoj, debatoj, recenzoj, teatro.

Redaktas Jorge Camacho (ĉefredakt.), Probal Daŝgupto kaj István Ertl. Eldonas Ulrich Becker (Eldonejo Mondial, Novjorko, Usono).

Beletra Almanako
N-ro 15 (Oktobro 2012) – 6a jaro
Redaktas Jorge Camacho (ĉefred.), Probal Daŝgupto, István Ertl
MONDIAL NOVJORKO www.librejo.com

## Mendoj / abonoj:

**Plej facile: "Konstanta mendo" ĉe UEA!**
(Skribu al libroservo@co.uea.org kun la peto pri "Konstanta mendo de BA" kaj vi ricevos aŭtomate ĉiun novan kajeron.)

**Krome:**
Mendu/abonu ĉe via landa/loka libroservo aŭ rekte ĉe:

***www.beletraalmanako.com***

Unuopaj kajeroj de *BA* estas ankaŭ facile aĉeteblaj en multaj ekstermovadaj libro-retejoj en multaj landoj; kaj vi eĉ povas mendi *BA* en via loka librovendejo, se vi havas la ISBN-numeron de la koncerna kajero!

# FORMOZA FOLIO
# 台灣世界語報

La gazeto de Tajvanaj Esperantistoj

| | |
|---|---|
| **Adreso:** | Reza Kheirkhah 薛瑞察<br>屏東市重慶路 105 號 900-73 Taiwan<br>Chung Ching Lu 105,<br>TW 900-73 Pingtung, Tajvano<br>Tel: +886-8-7326334, Fakso: 7320579 |

| | |
|---|---|
| **Retadreso:** | rezamenhof@yahoo.com |

| | |
|---|---|
| **Redaktis:** | Reza Kheirkhah |
| **Reviziis kaj enpaĝigis:** | Sabine kaj Pit Hauge |
| **Ĉinaj tradukoj:** | Wang Ju-kwei<br>provlegis Ingrid Chuang |
| **Titolpaĝa foto:** | 提供封面上的照片 (aŭtoro)<br>Kompleze de elementa lernejo Fuxiao<br>我們感謝屏教大附小 |

| | | |
|---|---|---|
| **Abontarifoj:** | enlanda: | 100 NT por unu numero |
| | eksterlanda: | 3 EUR por unu numero<br>(inkluzivas sendokoston)<br>(uea-konto: mrkk-c) |




## Kovrilo de revuo Esperanto kun desegnaĵo de tajvana lernantino

Sur la kovrilo de la februara numero de revuo Esperanto (2012) aperis desegnaĵo de tajvana 12jara lernantino Ailin Kheirkhah (Ĉina nomo: Ailin Hsueh), kiu temis pri la 125a jubileo de Esperanto. Estis la unua fojo ke la kovrilo de organo de UEA havis ion iel rilate al Tajvano. La desegnaĵo estis farita kadre de Esperanto-kurso kiu okazis en elementa lernejo Fuxia en Pingtung.

Poste prestiĝa tajvana ĵurnalo intervjuis Ailin kaj la patron Reza kaj aperigis bonan artikolon pri Esperanto kun kolora foto de Ailin kaj la Esperanto-revuo.

## 小五生畫作 登上「世界語」封面 【聯合報／記者劉星君／屏東報導】

屏東教育大學附設實驗小學五年級學生薛愛琳的世界語繪畫作品，登上「世界語協會月刊」2 月封面，薛愛琳也成爲這本已有 105 年歷史雜誌封面最年輕設計人，她的父親、來自伊朗的瑞察與有榮焉。

台灣女婿瑞察目前在屏東教育大學附設實驗小學，擔任世界語（Esperanto）社團指導老師，瑞察說，世界語是由波蘭的猶太裔眼科醫生柴門霍夫發明，已有 125 年歷史；今年是世界語 125 年紀念，他請社團學生以「125」與「Esperanto」兩個元素，創作圖畫爲世界語生日慶生。




薛愛琳也參加世界語社團，她以地球做背景，畫上世界語標誌，加上綠色的星星，象徵「人類的和平與希望」；全世界說世界語的人們可以用世界語到各地旅行，並免費接待其他世界語旅人，父親曾接待過來自法國、波蘭、韓國與日本等國的世界語者，因此她畫出這些國家的旅人，也傳達了世界語溝通國際的精神。

瑞察認爲愛琳的作品很不錯，決定「內舉不避親」，將女兒的作品投稿到世界語協會月刊，沒想到獲得編輯青睞，將她的畫作做爲 2 月的世界語雜誌封面；薛愛琳收到世界語協會月刊，看到自己作品成爲封面，開心地說「真是又驚又喜，好意外也好高興！」

瑞察說，世界語協會月刊的訂閱者，來自全球 120 多個國家，這是這本雜誌第一次以台灣人設計的畫作，做爲雜誌封面，相當難得。

薛愛琳喜歡畫畫，也有語言天分，父親是伊朗人，母親是台灣人，她從小和父親說波斯話，和母親講華語，英文及日文也難不倒她。

(中華民國 101 年 4 月 1 日)